XXVIII-a Jaro. — N° 388 (12) Monata Decembro 1932.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto: H. HODLER. — Redaktoro: D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA: Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio: 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: Esperantista plebiscito, de Edmond Privat (177). — La nova organiza projekto (178). — UEA, Oficiala Informilo n-ro 23 (186). — Tra la Mondo Esperantista (188). — Aerflugadon ĉu beni aŭ malbeni, de Edmond Privat (191). — La lerta polica hundo (192). — Amo de Virino (192). — Malnova lignodom' (193). — Propaganda Servo de UEA (194). — Esperantista parolejo (196). — IPL, oficiala informilo (197). — Cseh kursoj (197). — Jarkunvenoj naciaj (197). — Intersteno (198). — KELI (198). — Niaj mortintoj (199). — Reklamoj (200).

## Esperantista Plebiscito

Niaj legantoj ekzamenos la novan organizan projekton kaj la kritikon de S-ro Stettler, prezidanto de UEA. Ni esperas ke la esperantista popolo rifuzos tiun danĝeran proponon, kiu povus nur akre dividi la fortojn de nia movado.

Laŭ ĝi la Naciaj Societoj nuligus UEA kaj prenus sur sin ties laboron kaj la kongresojn ĝis nun komunajn. Tio ne kreus « pli ĝeneralan grandan organizon de la movado », sed malpli grandan, ĉar ekster ĝi restus ĉiuj esperantistoj, kiuj ne volas aliĝi al nacia societo aŭ ne povas tion, ĉar en ilia lando ekzistas neniu asocio aŭ male du aŭ tri konkurencaj.

Laŭ ĝi, nia movado farus decidan paŝon al malprogreso kaj, detruinte sian plej firman domon, penus konstrui la novan sur la marĉa sablo de naciismo. Kiu vidas ĉiujare la malsukcesojn de interŝtataj konferencoj en Ĝenevo, tiu scias bone, ke la kaŭzo estas ĉiam la sama: bazo nacia kaj multnacia anstataŭ homara kaj supernacia.

Ne havante la ŝtatajn devigojn de tiuj oficialaj organizaĵoj, la esperantistaro povas profiti almenaŭ iliajn spertojn kaj eviti la mortigan ĉenon, kiu baras ilian marŝon.

Ĝi povas ankaŭ profiti sian propran sperton. Kiu gvidis dum jaroj nian internacian agadon, tiu konstatis, ke la plimultaj naciaj societoj estas tro ŝarĝataj per sia enlanda laboro por regule servi la tutmondajn aferojn, eĉ per atento kaj respondo al cirkuleroj. En plej oftaj okazoj iu privata persono havas pli grandan eblecon interesiĝi praktike pri tiaj planoj. Tio ne estu riproĉo al iu ajn societo, sed nura konstato, ke ili nature prizorgas unue sian kampon, nome la enlandan propagandon. Nenio pli komprenebla, eĉ prava.

Eĉ en kunsidoj de KR, kie naciaj societoj povus interŝanĝi spertojn pri gravaj aferoj de propagando kaj instruado, multan tempon oni perdas je demandoj pri kotizo, regularo aŭ eĉ vico de la naciaj salutparoloj en malferma kunsido de kongreso! Naciaj vidpunktoj estas tro diversaj.

Kial UEA sukcesis per kvaroncentjara pacienca laboro starigi efikan servaron kun delegitoj en dumil lokoj de sepdekkvin landoj? Ĉar ĝi estas universala societo kun unu sistemo kaj unu disciplino. La kontakto restas inter la centro kaj la membroj aŭ ilia loka delegito.

Ĝi reprezentas modelon de malgranda homaro unuigita per sento de solidareco kaj servemo trans landlimoj, laŭ idealo Zamenhofa. Legu sur paĝo 9 de la Stettleraj komentarioj la saĝajn kaj noblajn rimarkojn pri tiu temo.

Estus granda kulpo forigi tiun universalan bazon kaj detrui la fundamenton de nia movado ĝuste en momento, kiam naciismo kontraŭa relevas ĉie minacajn vizaĝojn.

Atentu bone la esperantistaro! La prezentita projekto rompus unuecon ekzistantan kaj ne starigus alian por ĝin anstataŭi. La rezultato estus havi du jarlibrojn kaj du organizojn sur la internacia kampo.

Kiel ni diris en lasta numero, estas neniu kaŭzo kial UEA devus malaperi kaj la naciaj societoj resti. Kial ne la malo, eĉ pli logika, ĉar temas pri afero tutmonda?

La ĝisnuna saĝo konsistis je amika interkonsento inter ambaŭ flankoj de la movado. Sed tio ne povas daŭri, se unu el ambaŭ volas forpreni la kampon de la cetera.

En tia batalo la esperantistaro perdus multe da tempo kaj sen ia profito por la movado. Kiuj nedeziras tion, voĉdonu kontraŭ la propono.

Jen la tri eblecoj en mallonga resumo:

1. Ĉu malaperu UEA por ĉion konfidi al Federacio de naciaj societoj?

2. Ĉu fandiĝu la Naciaj Societoj en nunan UEA kaj fariĝu ties naciaj teritorioj?

3. Ĉu naciaj societoj kaj UEA daŭre kunekzistu kaj organizu komune kongresojn dediĉante parton de ties enspezoj al UEA jarlibro kaj parton al internacia propaganda centro?

Certe la granda plimulto de l'esperantistoj favoras la trian aŭ la duan solvon. Tial ili rifuzu la unuan energie per voĉdono kontraŭ la prezentita propono.

Edmond Privat.

# La nova organiza projekto

*Post pacienca atendo nia Asocio ricevis la organizan planon kiun ellaboris komisiono elektita dum la Pariza kongreso. Por ke legantoj povu fari al si precizan bildon de la proponoj, ni represas la tutan tekston ; la artikolojn pri la principoj en kutimaj literoj, la reston malgrande, por ŝpari lokon. Kvankam detala komparo kun la statuto de UEA estus tre interesa, ni aldonis paragrafojn el nia propra leĝaro nur tie, kie malsimileco de principoj aŭ simileco en la esprimoj estas speciale rimarkindaj.*

Paris, la 4an de Novembro 1932.

Al Sinjoro John MERCHANT
Prezidanto de la Internacia Centra Komitato
de la Esperanto-Movado
11, Rue du Mont-Blanc
GENÈVE

Tre estimata Sinjoro Prezidanto,

Konforme al la decido alprenata dum la XXIVa Kongreso de Esperanto en Parizo, la 4an de Aŭgusto 1932, mi havas la honoron sendi al vi, en la nomo de la Plenpova Komitato por Reorganizo de la Esperanto-Movado, la regularon de la nova organismo internacia kun la budĝeto por 1933 petante vin, ke vi bonvolu ĝin transdoni al la Naciaj Societoj kaj al U.E.A. kaj, pli poste, al la esperantista gazetaro.

Tiu ĉi regularo, starigita laŭ la principoj de la Konvencio de Parizo, devas, laŭ la decido de K.R. (4an de aŭg. 32) ekfunkcii komence de la jaro 1933.

Neniu praktika organizanto dubos pri tio, ke la regularo estos akceptata de la plimulto, aŭ tuj sen diskutoj pri ŝanĝotaj detaloj, aŭ neniam. Do, por atingi la nepre necesan funkciadon de la nova organizo, la Komitato rekomendas al U.E.A. kaj al la Naciaj Societoj la jenan procedon. La Asocioj diskonigu la proponitan regularon plejrapide al siaj membroj kun la peto, voĉdoni pri la provizora akcepto de la regularo sen ŝanĝoj per jes aŭ ne. La proponoj pri ŝanĝoj estu prokrastataj ĝis la venontaj Universalaj Kongresoj, kie ili estu pritraktataj laŭ la nova regularo. Provizora ankaŭ estas la nomo proponita de la Komitato, ĉar la sinteno de la estraro de U.E.A. en Parizo ne permesis proponi la nomon de U.E.A. La Naciaj Societoj instigu siajn membrojn, kiuj estas anoj de U.E.A. kaj deziras la eniron de U.E.A. en la novan organizon ke ili esprimu sian deziron al la Estraro de U. E. A. Se granda plimulto agos laŭ tiu instigo, oni povas esperi, ke ni povos festi en Köln la Jubileon de U.E.A. per transformo de ĝi en pli grandan ĝeneralan organizon de la tutmonda esperantistaro.

Mi petas vin, ke kun la regularo vi bonvolu ankaŭ sendi ĉi tiun leteron al ĉiuj instancoj de nia Movado, por ke ili povu konstati la grandan deziron, kiun nia Komitato havas pri efektiva unuecigo de la movado kaj konkordo inter ĉiuj.

Bonvolu ankaŭ peti al UEA kaj la Naciaj Societoj, ke ili konigu *al vi* sian respondon kiel eble plej frue kaj, se eble, antaŭ la deka de proksima decembro.

Post kelka tempo mi sendos al vi novan leteron en kiu mi montros, por konigo al la aliĝontoj, la vojon sekvotan por transiri senskue de la nuna stato al la nova ordo.

Bonvolu akcepti, Sinjoro Prezidanto, la esprimon de mia alta estimo kaj de miaj plej koraj samideanaj sentoj.

Por la Reorganiza Komitato,

La Prezidanto :

*René Dubois.*

## Universala Federacio Esperantista (U.F.E.)

### Statuto

redaktita laŭ la decidoj de la Plenpova KOMITATO elektita de la NACIAJ SOCIETOJ la 4 Aŭgusto 1932.

*I. Fondo kaj Celo.*

Laŭ decidoj de la *Konvencio de Parizo,* alprenita de la Naciaj Societoj dum la Pariza Kongreso, la 4 Aŭgusto 1932, estas decidata la fondo de la *Universala Federacio Esperantista* (U.F.E.) kies celo estas :

a) Esti inter la Naciaj Societoj interliga organismo por faciligi la disvastigadon de la internacia helplingvo Esperanto, kreita de Dro. Zamenhof kaj kontrolata en sia disvolviĝo de la Esperantista Lingva Komitato kaj ĝia Akademio.

b) Fari al siaj membroj ĉiujn eblajn servojn por plifaciligi iliajn ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn.

c) Zorgi pri la interesoj de la Esp. Movado en la tuta mondo : organizo de la Universalaj Kongresoj de Esperanto per helpo de loka komitato ; de teknikaj konferencoj aŭ aliaj kunvenoj internaciaj, k.t.p.

d) Publikigi kaj konservi la oficialajn dokumentojn de la Esp. Movado, la oficialan jarlibron kaj la oficialan bultenon.

*II. Neŭtraleco.*

La U.F.E. estas absolute neŭtrala rilate al religio, politiko, nacieco, lingvo aŭ raso. En ĝi viroj kaj virinoj estas egalrajtaj kaj elekteblaj al ĉiuj funkcioj.

*III. Konsisto.*

U.F.E. konsistas el :

a) la naciaj t.e. regnaj societoj esperantistaj.

b) En regnoj kie ne ekzistas nacia societo, la *Internacia Centra Komitato* zorgos pri la starigo de nacia sekretario ĝis kiam nacia societo estos kreata.

*IV. Membreco.*

1. La membreco de U.F.E. konsistas el la membroj de ĉiu aliĝinta societo, kiu pagas al la Centra Oficejo la kotizojn

laŭ la detaloj en ĉapitro VI. Oni povas akiri membrecon nur per aliĝo al tiuj societoj.

2. La aliĝo al U.F.E. kondiĉas la akcepton kaj aplikadon de ĝiaj statutoj.

3. Nacia societo, kiu deziras esti membro de U.F.E. havu la jenajn ecojn : 1) posedi organizan forman (regularon, konsiston de komitato), kiu vidigas klare, ke temas pri societo, kies regularo permesas la aliĝon de kiu ajn Esperantisto en la koncerna regno ; 2) havi minimume 50 membrojn.

La nacia societo, kiu petas sian aliĝon devas sendi du ekzemplerojn de sia regularo, esperante redaktita, kaj de la nomaro de siaj komitatanoj, kun plena adreso, aĝo kaj profesio. Ĝi ankaŭ devas havigi deklaron pri la nombro de membroj, el kiuj ĝi konsistas.

La Internacia Centra Komitato de U.F.E. respondas pri la aliĝpeto plej laste tri monatojn post la ricevo de tiu peto. En dubaj okazoj, ĝi povas informi la aliĝpetantan societon, ke la decido estas prokrastata ĝis post la proksima universala kongreso, dum kiu okazos kunveno de la Konsilantaro, kiu pritraktos la peton.

### V. ESTRARO

1. U. F. E. estas estrata de *Internacia Konsilantaro Reprezenta.*

2. La Konsilantaro Reprezenta konsistas el unu reprezentanto de ĉiu nacia societo. La reprezentantoj de la naciaj societoj rajtas havi ne pli ol du helpantojn, kiuj rajtas paroli en la debatoj, sed ne voĉdoni. Ĉiu nacia societo devas sciigi al la estraro de la Konsilantaro la nomon kaj adreson de sia reprezentanto, al kiu estas sendataj ĉiuj korespondajoj pri la Konsilantaro.

3. Ĉi konsistas plie el du reprezentantoj kun konsila voĉo de la Lingva Komitato kaj de la Akademio, se tiuj institucioj tiel decidas.

4. La Konsilantaro zorgas pri la reciproka informado kaj kunlaborado de la naciaj societoj por komunaj celoj kaj pri ilia komuna monsubteno al la oficialaj institucioj de la U.F.E.

5. Ĝi diskutas kaj decidas pri la budĝeto de U.F.E. pri la raporto kaj programo pri ĝenerala agado kaj pri ĉio, kio povos interesi la Esp. Movadon.

6. Ĝi povas komisii la Internacian Centran Komitaton por la plenumo de kiu ajn el siaj decidoj.

7. La Estraro de la Konsilantaro konsistas el unu prezidanto, du aŭ tri vic-prezidantoj kaj unu sekretario elektataj por tri jaroj. La funkcio de la vic-prezidantoj estas ĉefe anstataŭi la Prezidanton, se li estas iel malhelpata prezidi iun kunsidon de la Konsilantaro.

8. La Sekretario, laŭ ordono de la Prezidanto de la Konsilantaro, kunvokas la konsilantojn, sendas al ili la tagordon kaj zorgas, ke ĉiuj protokoloj kaj aliaj oficialaj dokumentoj estu sendataj al ili. Li preparas la kunsidojn de la Konsilantaro kaj estas respondeca pri la protokoloj, kiuj povas esti farataj de helpantoj ne apartenantaj al la Konsilantaro.

9. La Sekretario ricevas de la Centra Oficejo la repagon de siaj elspezoj. Mon-provizoj povas esti sendataj al li tiucele.

10. La Konsilantoj estas elektataj de la naciaj societoj laŭ maniero pri kiu decidas ili mem. Estas tamen rekomendinde, ke la Konsilantoj estu regule balotataj de ĉiu grupo aŭ federacio de grupoj dum la nacia kunveno aŭ alia oficiala kunveno.

11. Siajn helpantojn la Konsilanto povas elekti mem. Tiu konsilanto, kiu ne povas ĉeesti iun kunsidon de la Konsilantaro povas voĉdoni per letero aŭ anstataŭigi sin. En tiu kazo, la anstataŭanto devas prezenti, ĉe la kunsido, leteron de la konsilanto lin rajtigantan kun aprobo de la nacia societo.

12. Ĉe kunsido de la Konsilantaro, ĉiu societo havas nombron da voĉoj proporcian je la nombro da anoj, por kiu ĝi pagas kotizon.

13. La decidoj de la Konsilantaro estas submetataj de la Estraro al la naciaj societoj por skriba konfirmo.

14. Se iu Societo ne respondis post du monatoj, aŭ tri monatoj se ĝi estas ekstereŭropa, ĝi estas konsiderata kiel konfirmanta.

15. Neniu propono povas esti voĉdonata sen antaŭa publika pridiskuto en kunsido de la Konsilantaro.

16. La Prezidanto devas kunvoki la membrojn de la Konsilantaro almenaŭ unufoje ĉiujare, kaj ĉiufoje, kiam tiu ĉi kunvoko estas postulita de almenaŭ dek Naciaj Societoj. La tagordo devas esti ricevita de la Naciaj Societoj unu monaton antaŭ la kunsido. Ĉiuj proponoj de la Estraroj, de la Konsilantaro kaj de la Internacia Centra Komitato al la Naciaj Societoj devas esti sendataj almenaŭ unu monaton antaŭ ilia pridiskuto en la kunsido de la Konsilantaro. La estraroj de la Konsilantaro kaj de la Internacia Centra Komitato devas esti sciigataj pri ĉiu propono de Nacia Societo du monatojn antaŭ la kunsido de la Konsilantaro ĉe kiu la propono estos diskutata.

17. En la kunsido de la Konsilantaro sidas ankaŭ kun konsila voĉo la membroj de ĝiaj diversaj komisionoj kaj de la Oficejestro.

18. La kunsidoj de la Konsilantaro estas publikaj, krom en specialaj okazoj pri kiuj la Konsilantaro decidas mem per voĉdono

19. La Konsilantaro elektas Internacian Centran Komitaton konsistantan el 7 membroj.

20. La membroj de la Internacia Centra Komitato estas balotataj per sekreta voĉdono dum la Kongreso por tri jaroj. Du el ili estas reelekteblaj ĉiujare; tri ĉiun trian jaron. Oni lotumas por koni la du unuajn membrojn eliontajn.

21. La membroj de la Internacia Centra Komitato elektas inter si ĉiujare unu Prezidanton kaj du Vic-Prezidantojn.

22. La Internacia Centra Komitato okazigas la Universalajn Kongresojn kaj komisias ilian organizon al loka kongresa komitato

23 Ĝi zorgas pri la eldono de la Oficiala Jarlibro, de la Oficiala Bulteno kaj de ĉiuj aliaj dokumentoj oficialaj, la protokoloj de kunsidoj de la Konsilantaro, de la kongreso k.t.p.

24. Ĉiujare, almenaŭ unu monaton antaŭ la kongreso, ĝi sendas al la naciaj societoj kun raporto pri sia agado, dum la antaŭaj dekdu monatoj la programon pri la ĝenerala agado de la U.F.E. dum la sekvanta jaro kaj la projekton pri budĝeto. Tiun programon ĝi starigas, aldonante al siaj propraj proponoj, la sugestojn de la komisionoj, de la oficejestro kaj la proponojn de la naciaj societoj. La programo estas diskutata en kunveno de la Konsilantaro dum la Kongreso kaj la artikoloj akceptataj resendataj al la Internacia Centra Komitato por plenumado aŭ realigo.

25. Por aferoj, kiuj povas okazi dum la jaro kaj bezonas urĝan solvon, la Internacia Centra Komitato rajtas peti rekte la opinion

# Statuto de UEA

## I. Celoj kaj principoj.

1. Sub la nomo *Universala Esperanto-Asocio* ekzistas Asocio, fondita en 1908, kiu celas :

Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto ;

Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo ;

Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio ;

Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj.

2. U E A estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko. En ĝi viroj kaj virinoj estas egalrajtaj kaj elekteblaj al ĉiuj oficoj.

3. La oficiala lingvo de UEA estas la Zamenhofa Lingvo Esperanto, tia, kia ĝi estas definita per sia Fundamento kaj per sia literatura kaj teknika verkaro.

*Membroj.*

8. Povas esti akceptata kiel membro ĉiu honorinda persono, favora al la principoj de UEA.

de la naciaj societoj, kondiĉe ke tiuj ĉi havu almenaŭ unu monaton por esplori la demandon kaj respondi utile.

26. La plenuma organismo de la Komitato estas la Centra Oficejo, kiu konsistas el unu Oficejestro kaj tiom da oficistoj, kiom necesigas la laboroj de U.F.E. kaj de la mon-rimedoj, kiujn ĝi disponas.

27. La oficejestro kaj la cetera oficistaro estas salajrataj.

28. La oficejestro estas enoficigata de la Internacia Centra Komitato, laŭ propono de la Prezidanto; la aliaj oficistoj de la Prezidanto, laŭ propono de la oficejestro.

29. La salajro de la oficejestro estas fiksata de la Internacia Centra Komitato post konsulto kaj aprobo de la Financa Komisiono; la salajroj de la aliaj oficistoj estas fiksataj de la oficejestro post konsulto kaj aprobo de la Internacia Centra Komitato.

## VI. KOTIZOJ KAJ FINANCOJ

1. La naciaj societoj pagas ĉiujaran kotizon por siaj membroj laŭ la sekvantaj kategorioj :

2. Membro simpla : por ĉiu membro 0,50 svisaj frankoj. Membro simpla ricevas pere de la nacia societo la internacian membrokarton kaj la oficialan internacian bultenon.

3. Membro aktiva : por ĉiu membro 2,50 svisaj frankoj. Membro aktiva ricevas la internacian membrokarton, la oficialan internacian bultenon kaj la oficialan jarlibron.

4. Membro-Subtenanto : Por ĉiu membro 12.— svisaj frankoj. Membro-Subtenanto ricevas la membrokarton, la bultenon, la jarlibron kaj gazeton, pri kiu la Centra Oficejo sukcesos aranĝi interkonsenton kun la koncerna eldonisto.

5. Patrono* : Por ĉiu 75 svisaj frankoj. La nacia societo postulas de li 100 svisajn frankojn, sed retenas 25 sv. frk. por sia propra helpo. Li ricevas la samon kiel Membro-Subtenanto, sed havas ankaŭ la honoron esti Patrono, kaj lia nomo estas presata en la oficiala internacia bulteno.

6. La financa jaro de U.F.E. estas la kalendara jaro.

7. Ĉiumonate la naciaj societoj sendas al la Centra Oficejo antaŭ la 5a, la kotizaĵojn enkasigitajn dum la antaŭa monato kaj disponigas al la Centra Oficejo listojn de la membroj kun kategorioj.

8. La naciaj societoj rajtas voĉdoni ĉe la Konsilantaro proporcie je la nombro de kotizaĵoj pagitaj dum la antaŭa jaro.

9. La Komisiono por Financoj zorgas pri la direktado de la tuta financa fako de U.F.E. Ĝi kontrolas la ĉiujaran budĝeton kaj prezentas ĝin al la Konsilantaro por diskuto kaj alpreno. Tiu prezento devas okazi en kunsido dum la jara kongreso, kaj la proponata budĝeto devas esti sendata al la aliĝintaj societoj almenaŭ unu monaton antaŭ la kongreso.

10. Du kontrolantoj de la kalkuloj, elektitaj ekster la membroj de la Konsilantaro, kontrolos ĉiujare la kalkulojn de U.F.E. kaj raportos pri ili en la kongreso. Ilia raporto ankaŭ devas atingi la aliĝintajn societojn almenaŭ unu monaton antaŭ la kongreso.

## VII. LINGVA KOMITATO KAJ ĜIA AKADEMIO

U.F.E. monhelpas ĉiujare la Lingvan Komitaton kaj ĝian Akademion, kiuj povos havi du reprezentantojn en la Internacia Konsilantaro kun konsila voĉo.

La Lingva Komitato estas memstara, sed la naciaj societoj povas prezenti kandidatojn al ĝi.

## VIII. PRAKTIKAJ SERVOJ KAJ DELEGITOJ

1. La servojn de U.F.E. rajtas uzi ĉiu membro de la Federacio. Ĉiu membro ĉiujare ricevas senpagan kuponaron por informpeto. La servoj de informpeto kaj helpo al la vojaĝantoj estas prizorgataj de la delegitoj, helpataj de la vicdelegitoj kaj estas principe senpagaj.

2. La skribaj informpetoj devas esti precize formulataj, tre legeble skribataj en la oficiala lingvo Esperanto kaj korekte afrankataj. La petanto indiku ĉiam sian plenan adreson kaj membronumeron kaj aldonu ĉiam kuponon por informpeto. kaj respondkarton aŭ internacian respondkuponon. La skribaĵoj montru sur la adreso la titolon de la delegito de U.F.E. por ke ili estu transdonataj al la anstataŭanto, se li forestas.

Prezentante sin rekte al delegito por peti servon, la membro devas montri sian membrokarton por la kuranta jaro.

Ne-plenumo de ĉi tiuj kondiĉoj nuligas la rajton pri plendo.

3 Oni ne rajtas peti servojn kontraŭ la celoj de U.F.E. aŭ la bonaj moroj, informojn kun konfidenca karaktero (pri morala indeco, pagokapablo aŭ familiaj cirkonstancoj de persono) aŭ peti en la nomo de ne-membroj.

Servoj, kiuj necesigas multan tempon, teknikan konon aŭ specialajn klopodojn por skiuj salajro aŭ maklerpago estas kutimaj ne estas devigaj, por la delegito. Se li ne volas fari la servon, li respondu kaj laŭeble sendu liston de personoj aŭ firmoj prizorgantaj tiajn negocojn.

Antaŭ ol fari servon, kiu kaŭzus elspezojn, la delegito rajtas peti antaŭpagon.

La interŝanĝo de poŝtmarkoj kaj kartoj, la rondirigo de leteroj aŭ petskriboj, kaj similaj, ne koncernas la servon de informpetado, sekve ili ne estas devigaj por la delegito.

4. Por kaj dum vojaĝoj, la membroj de U.F.E. povas peti la konsilon de la delegito pri ĉiuj turismaj aferoj.

La delegito donas ĉiujn informojn por faciligi la restadon en la urbo, sed ne estas lia devo iri al rendevuoj, atendi la membrojn en la stacidomo aŭ ilin promenigi. La delegito informas la grupon pri la alveno de fremdaj esperantistoj.

5. La delegito estas respondeca pri la bona funkciado de la servoj en sia loko. En la limtempo de 7 tagoj post ricevo de laŭregula informpeto, la delegito devas zorge respondi. Se por trovi plenan informon, li bezonas pli longan tempon, li respondas provizore. Se li ne povas plenumi la peton, li sciigu la petinton pri la kaŭzo de neplenumo, konsilante, se eble, la taŭgan vojon. La delegito zorgas, ke dum lia foresto, la korespondaĵoj estu transdonataj al la vic-delegito. La delegito konservas en bona ordo ĉiujn leterojn kaj dokumentojn, kiuj koncernas lian oficon. Ili ne estas lia propraĵo, sed ili estas regule transdonataj al la posteulo.

6. La plendoj pri malbone faritaj servoj estu sendataj al la Komisiono pri praktikaj servoj de U.F.E. Ĝi rekte esploras pri la faktoj, informante la nacian societon, kiu rajtas esplori siaflanke. Se la esploroj rezultigas ne gravan malkorektecon, la Komisiono oficiale, sed ne publike admonas la kulpigiton. Pro ripetitaj malkorektaĵoj, aŭ pro gravaj mankoj de la delegito, la Komisiono de U.F.E. interkonsente kun la nacia societo rajtas fari publikan admonon kaj ankaŭ eksigi la delegiton.

7. En ĉiu loko, kie ekzistas grupo, kies membro aliĝas al U.F.E. pere de nacia societo, la grupo proponas delegiton kaj vic-delegiton al la nacia societo. La nacia societo petas de ili formalan promeson pri plenumo de la devoj laŭ la regularo, aprobas ilin kaj informas la U.F.E. pri ilia elekto.

8. La delegiteco estas honora ofico. Estas malpermesate uzi tiun ĉi oficon por persona profito aŭ por favorigi iujn personojn aŭ firmojn.

9. La delegito plenumas la servojn de U.F.E. kaj interrilatigas la fremdajn membrojn kun la loka grupo.

La vic-delegito estas la kunlaboranto kaj anstataŭanto de la delegito. Ĉiuj reguloj por la delegito validas laŭsence por la vic-delegito.

10. En unu loko, estu kutime nur unu delegito kaj vic-delegito. Grandaj urboj, laŭ propono de la loka grupo kaj aprobo de la nacia societo povas esti dividataj en partojn kun po unu delegito aŭ vic-delegito. En tiu kazo devas esti unu centra delegito, kun kiu povas interrilati la fremdulo, ne konanta la dividon de la urbo. La centra delegito zorgu dividi la petojn inter la diversaj delegitoj de la urbo.

11. Ĉie, kie estas oportune. laŭ decido de la nacia societo, povas esti elektataj delegitoj kun faka agadkampo.

12. Delegito devas esti membro de U.F.E., laŭeble plenaĝa enlandano, daŭre loĝanta en sia loko kaj, sub kutima rezervo de gravaj malhelpoj, promesanta plenumi sian oficon tri sinsekvajn jarojn. Li bone konu la esperantajn lingvon kaj movadon.

13. La ofico de delegito daŭras tri jarojn. Se la grupo ne faras formalan elekton de nova delegito je la fino de la ofic-tempo, la nacia societo rajtas konfirmi la delegiton por nova tempdaŭro de tri jaroj.

14. La delegito perdas sian oficon pro demeto, se li ne plu loĝas regule en la loko, se li ne plu estas membro de U.F.E., laŭ decido de la Komisiono pri praktikaj servoj de U.F.E. pro grava malplenumo de la devoj de l'delegiteco.

15. Kiam ofico de delegito vakas. se post du monatoj la grupo ne zorgis pri nova propono, la nacia societo rajtas rekte nomi novan delegiton.

16. En lokoj, kie ne ekzistas grupo, sed nur izolaj membroj de nacia societo, delegito kaj eventuale vic-delegito povas esti nomataj

de la nacia societo. Tie la delegito estas reprezentanto de U.F.E. kaj de la nacia societo laŭ ĝia regularo

Li propagandas, varbas membrojn kaj klopodas starigi novan grupon.

17. La nacia societo klopodas, ke en ĉiu loko de la lando kie estas esperantistoj, estu elektata delegito de U.F.E. Ĝi zorgas, ke la listo de la delegitoj kaj vic-delegitoj estu ĉiam en ordo por la regula publikigo en la Jarlibro. Ĉiuj ŝanĝoj devas esti kiel eble plej frue konigataj al la Centra Oficejo de U.F.E., publikigataj en naciaj gazetoj kaj en la bulteno de U.F.E.

18. En regnoj, kie ne estas naciaj societoj aliĝintaj al U.F.E., la Internacia Centra Komitato zorgos pri la elekto de provizoraj delegitoj pere de nacia sekretario.

*Daŭrigo sur paĝo 6-a.*

# Statuto de UEA

### Delegitoj.

16. En ĉiu loko, grava pro sia grando, siaj komercaj aŭ turismaj rilatoj, la asocio klopodas elekti *Delegiton* kaj *Vicdelegiton*.

La Delegito reprezentas UEA kaj administras ĝiajn lokajn aferojn konforme al la instruoj de la Direktoro.

La Vicdelegito estas la kunlaboranto kaj anstataŭanto de la Delegito. Ĉiuj reguloj por la Delegito valoras laŭsence por la Vicdelegito.

Sub sia respondeco la Delegito povas nomi *Agentojn* aŭ *Helpantojn*, kiuj rilate la Asocion nek havas oficialan rolon, nek uzu titolojn je oficiala aspekto.

Delegitoj por Komerco aŭ aliaj specialaj celoj estas elektataj okaze de la starigo de tiaj servoj. Ne koncernas ilin la sekvantaj artikoloj.

20. La Delegito :

Reprezentas en sia loko la Asocion kaj rilate al la estraro de UEA siajn membrojn ;

Propagandas, varbas membrojn, enkasigas kotizon kaj prizorgas la administrajn aferojn ;

Respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo ;

Klopodas starigi en sia loko la aliajn oficialajn servojn kaj kontrolas ilian funkciadon ;

Konservas en bonordo ĉiujn leterojn kaj dokumentojn koncernantaj lian oficon.

21. La Delegiteco estas honora ofico.

La Delegito rajtas rifuzi laŭregularan peton de servo, kiun li kredas ne akordigebla kun sia honoro aŭ konscienco. Li sciigas pri tio la petinton.

Al membroj, kiuj misuzas la aranĝojn de la Asocio, li rajtas rifuzi siajn servojn, informante la petinton kaj la Direktoron.

Libervole farante servojn al ne-membroj, li klopodas ilin varbi por UEA. Li nek faras servojn, nek metas aranĝojn de la Asocio al la dispono de personoj, kiuj nur volas profiti je ĝi.

### VI. Servoj.

63. La servoj de la Asocio estas rezervataj al ĝiaj membroj. Aranĝas la servojn la Centra Oficejo, la Fakoj, aŭ la societoj kaj firmoj, kun kiuj UEA kontraktis.

La servoj de informpetado kaj helpo al la vojaĝantoj estas principe senpagaj kaj prizorgataj de la Delegitoj.

La membroj rajtas peti de la Delegitoj parolajn aŭ skribajn informojn pri ĉiu ajn temo rilatanta al la agado de UEA.

64. La korespondaĵoj interne de la Asocio devas esti precize formulataj, tre legeble skribataj en la oficiala lingvo kaj korekte afrankataj. La sendinto indiku ĉiam sian plenan adreson kaj la membronumeron, ne esperantigante la nomojn de stratoj, placoj, k.t.p. Skribaĵoj sendataj al reprezentanto de UEA montru sur la adreso lian titolon, por ke, se li forestas, ili estu transdonataj al la anstataŭanto.

Al la informpetoj kaj al aliaj ne pure administraj korespondaĵoj oni ĉiam aldonu respondkarton aŭ internacian respondkuponon. Poŝtmarkojn kaj poŝtmandatojn naciajn oni nur almetu, se oni certe scias, ke la ricevonto povos ilin senpene valorigi. Neplenumo de tiuj kondiĉoj nuligas la rajton al plendo.

65. En tempolimo de 7 tagoj post ricevo de laŭregula informpeto la Delegito devas ĝin zorge respondi. Se por trovi plenan informon li bezonas pli longan tempon, li respondu provizore.

La Delegito rajtas malatenti petojn ne konformaj al la antaŭa artikolo. Tamen, se la peto devenas supozeble de membro, traktas seriozan aferon kaj kunhavas respondilon, la Delegito sciigu la petinton pri la kaŭzo de la neplenumo.

Devas esti nepre rifuzataj : petoj de servoj kontraŭ la celoj de UEA aŭ la bonaj moroj ; petoj havantaj konfidencian karakteron (pri morala indeco, pagokapablo aŭ familiaj cirkonstancoj de persono) kaj ripetitaj petoj de ne-membroj.

66. Dum vojaĝoj la membroj povas peti la konsilon de la Delegito pri ĉiuj turismaj aferoj kaj lian helpon, se okazis al ili malagrablaĵoj en hoteloj, magazenoj, ĉe doganoj aŭ aliaj aŭtoritatoj, k.t.p. Granda perdo de tempo kaj elspezoj estu pagataj.

La Delegito donas ĉiujn informojn por faciligi la restadon, sed ne estas lia devo iri al rendevuoj, atendi la membrojn en la stacidomo aŭ ilin promenigi.

67. Antaŭ ol fari servon, kiu kaŭzus elspezojn, la Delegito demandu la petinton kaj postulu antaŭan pagon. La Delegito ankaŭ rajtas peti antaŭan pagon aŭ povas malakcepti servojn, kiuj necesigas multan tempon, teknikajn konojn aŭ specialajn klopodojn, por kiuj salajro aŭ maklerpago estas kutimaj. Se li ne volas fari la servon, li respondu kaj sendu laŭeble liston de personoj aŭ firmoj prizorgantaj tiajn negocojn.

Al la Delegitoj kaj aliaj personoj sin okupantaj pri la servoj estas malpermesate uzi tiun oficon por persona profito aŭ por favori iujn personojn aŭ firmojn.

68. La Delegito estas responda por la bona funkciado de la nomitaj servoj en sia loko. Li zorgu, ke dum lia foresto la korespondaĵoj estu transdonataj al la Vicdelegito aŭ la helpanto.

La interŝanĝo de poŝtmarkoj kaj kartoj, la rondirigo de leteroj aŭ petskriboj, k.t.p. ne koncernas la servon de informpetado, sekve estas neniel deviga por la Delegito.

Por persona korespondado, interŝanĝoj k.t.p. la Asocio kreos specialan aranĝon aŭ fakon.

69. Plendoj pri malbone faritaj servoj priskribu klare la faktojn kaj estu sendataj al la Direktoro aŭ Fakestro. Se lia esploro konstatas ne gravan malkorektecon, li oficiale rememorigas la regulojn al la kulpigito.

Estas citataj en la gazeto : Delegitoj, kiuj ne respondis al oficiala enketo de UEA, malgraŭ ĝenerala averto ; Delegitoj, kiuj en 12 monatoj devis esti riproĉitaj la duan fojon ; ĉar ili ne zorgis por la transigo de la korespondaĵoj, okaze de foriro aŭ malsano ; aŭ ĉar ili nek respondis korektan informpeton, nek senkulpigis sin ĝis 30 tagoj poste ĉe la petinto. Ankaŭ estas citataj la membroj, kiuj grave aŭ ripete misuzis la servemon de la Delegitoj aŭ de la fakaj reprezentantoj.

## IX. KOMISIONOJ

1. Estas kreataj komisionoj kun tri membroj, kies misio estas, konstante kontroli sian koncernan fakon, averti la respondecajn personojn pri la mankoj eventualaj aŭ eblaj eraroj en la funkciado de la koncernaj servoj; sekvi la bonan realigon de la laboroj, komisiitaj al la plenumaj organismoj, k.t.p.

2. Almenaŭ kvin el tiuj komisionoj devas ekzisti laŭstatute :

1) La Komisiono por Propagando;
2) La Komisiono por Praktikaj Servoj;
3) La Komisiono por Financoj;
4) La Komisiono por la Jarlibro;
5) La Komisiono por la Bulteno.

3. Ĉiu komisiono elektas Prezidanton, kiu rilatas kun ĉiuj instancoj kaj servoj de la federacio.

4. La komisionanoj estas elektataj de la Konsilantaro Reprezenta. Kandidatojn povas prezenti la naciaj societoj.

5. Povas esti kreataj aliaj komisionoj ekstere de la Konsilantaro : pri radio, pri gazetaro, k.t.p.

## X. UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO

1. La Internacia Centra Komitato de U.F.E. (I.C.K. de U.F.E.) okazigas la universalajn kongresojn de Esperanto kaj komisias ilian organizon al la Loka Kongresa Komitato (L.K.K.), laŭ reguloj kaj kondiĉoj aprobitaj de la Internacia Konsilantaro Reprezenta.

La universalaj kongresoj de Esperanto konsistas el :

Solena malferma kunsido;
Laboraj kunsidoj, en kiuj la oficialaj institucioj prezentas raportojn kaj aŭdas la rimarkojn kaj deziresprimojn de la kongresanoj;
Fakaj kunsidoj;
Prelegoj sub la titolo « Somera Universitato »;
Kunsidoj de la diversaj oficialaj komitatoj aparte aŭ kune.

La Institucioj nomataj « oficialaj » estas :

La Internacia Konsilantaro Reprezenta (I.K.R.);
La Internacia Centra Komitato (I.C.K.);
La Lingva Komitato (L.K.) kaj ĝia Akademio.

2. En universala kongreso de Esperanto « ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiuj celoj li uzas ĝin », kondiĉe ke tiu persono : sendis sian aliĝon al la Loka Kongresa Komitato, kaj pagis al ĉi tiu sian kotizon.

3. La celo de la kongreso estas la esploro de ĉiuj demandoj komuninteresaj por ĉiuj esperantistoj, kun escepto de religiaj, politikaj kaj klasbatalaj demandoj, kiuj estas netuŝeblaj en kongresa kunsido, kaj la lingvaj demandoj, kies esploro kaj solvo estas rezervataj al la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio. Tamen, por ebligi al la kongresanoj, kiuj interesiĝas pri unu aŭ alia el tiuj demandoj, ilin priparoli inter si en privataj kunsidoj, la Loka Kongresa Komitato zorgas por ke ili povu disponi pri ĉambroj, kie ili kunvenos laŭ deziro. La kunven-lokoj kaj horoj, elektitaj de ĉiu tiel formiĝinta grupo, estas oficiale sciigataj.

4. Ĉar la funkciado de la oficialaj institucioj estas reguligata per la statuto de U.F.E., reviziebla nur de la kompetentaj instancoj, la kongreso ne rajtas alpreni decidojn devigajn, ĉu por izolaj esperantistoj, ĉu por la Esperantaj societoj, ĉu por la oficialaj institucioj, sed ĝi plene rajtas esprimi dezirojn kaj konsilojn. Por decidigi pri tiuj deziresprimoj aŭ konsiloj, la koncernaj institucioj aŭ komitatoj pritraktas ilin kiel eble plej baldaŭ.

5. La Loka Kongresa Komitato pagas al U.F.E. kvoton de 20 % el la kotizoj de la kongresanoj. La procento de tiu kvoto povas esti ŝanĝata laŭ decido de la Internacia Konsilantaro.

Eventuala profito el ĉiu kongreso apartenas al U.F.E., kiu donos unu trionon de ĝi al la nacia societo en la kongresa lando.

6. *La Kongresa estraro* konsistas, krom la protektantoj, la honoraj prezidantoj kaj la honoraj membroj, el :

unu prezidanto;

kelkaj vic-prezidantoj, reprezentantaj la oficialajn instituciojn kaj la plej gravajn organizajojn de la movado (La prezidanto aŭ almenaŭ unu vic-prezidanto devas esti el la lando, kie sidas la kongreso;

la konstanta sekretario de la kongresoj, la ĝeneralaj sekretarioj kaj iliaj helpantoj.

La estraro de la kongreso estas elektata de la kongreso, en la solena malferma kunsido, laŭ propono de la Internacia Konsilantaro, kiu en antaŭkunveno kun la Loka Kongresa Komitato starigas la plenan liston de la proponataj personoj.

7. Por solena malferma kunsido, se okazas salutparoladoj naciaj, ili estos ordigataj laŭ la alfabeta ordo de la nomoj de la regnoj. Parolos unu delegito el ĉiu regno, kies regnanoj ĉeestas la kongreson. Tiuj delegitoj estas elektataj de siaj naciaj societoj, kaj la listo devas esti fine ordigata kaj kompletigata laŭbezone de antaŭkunveno de la Internacia Konsilantaro.

8. *Fakaj sekcioj.* — Por la esploro de ĉiuj specialaj aŭ teknikaj temoj aŭ eĉ de temoj rezervitaj pro kongresa neŭtraleco, oni povas formi fakajn sekciojn.

Tiuj sekcioj konsistas, ĉu el specialistaj societoj, antaŭe organizitaj, kaj decidintaj kunveni dum la kongreso, ĉu el personoj, kiuj grupiĝas libere, dum la kongreso, por esplori kune temojn, pri kiuj ili havas specialan kompetentecon aŭ interesiĝas speciale.

La sekcioj povas peti, ke la deziroj, kiujn ili esprimis, aŭ la konkludoj de iliaj raportoj, estu prezentataj al la kongreso, se tiu prezento estas farebla laŭ la ĝeneralaj principoj, kiuj regas la kongreson.

9. *Kongresaj kunsidoj.* — La kongreso diskutas pri :

*a*) La temoj senpere metitaj de la Internacia Centra Komitato aŭ de la Internacia Konsilantaro en la tagordon;

*b*) La temoj metitaj de la Internacia Centra Komitato en la tagordon laŭ propono de esperantistaj organizajoj aŭ de enskribiĝintaj kongresanoj, kondiĉe ke tiuj proponoj estu alvenintaj al la Internacia Centra Komitato almenaŭ tri monatojn antaŭ la kongreso;

*c*) La dezirojn kaj konkludojn de la sekcioj, prezentitajn al la kongreso.

10. *Regularo por la kunsidoj de la kongresoj.*

*a*) La malferma solena kunsido estas malfermata de la prezidinto de la antaŭa kongreso aŭ de lia anstataŭanto. Li prezentas la liston de la nomoj proponataj de la Internacia Konsilantaro por la estraro de la okazanta kongreso. La elektita prezidanto daŭrigas la gvidadon de la kunveno.

La laboraj kunsidoj de la kongreso kaj la ferma kunsido estas prezidataj de la prezidanto aŭ de unu el la vic-prezidantoj de la kongreso.

*b*) Ĉiu, kiu deziras ricevi la parolvicon, devas doni sian nomon skribe al la estraro de la kunsido.

*c*) Ĉiu rezolucio aŭ amendo devas esti komunikata skribe al la estraro.

*ĉ*) La parolontoj sin sekvas, laŭ ordo de la enskribo.

*d*) Ĉiu parolonto, krom la raportantoj, povas paroli nur dum dek sinsekvaj minutoj. Ĉiu parolonto ne povas, sen speciala permeso de la prezidanto, paroli pli ol dufoje pri la sama demando, escepte pri punkto pri ordo.

*e*) La parolontoj povas paroli nur pri la tagordo. La prezidanto reprenas la parolon al ĉiu parolanto, kiu parolas pri alia temo.

*f*) La interrompoj estas malpermesitaj.

*g*) Post la fermo de la diskuto, decidita de la kunsidantaro, oni voĉdonas.

*ĝ*) Oni devas voĉdoni pri la amendoj antaŭ ol voĉdoni pri la prezentita propono.

*h*) La voĉdonoj povas okazi per levitaj manoj, se ne ekzistas dubo pri la rezultato de tiu voĉdono. Se ekzistas dubo, laŭ opinioj de la prezidanto aŭ de la proponintoj, oni balotas.

11. Krom la Universalaj Kongresoj de Esperanto, povas okazi periode oficialaj teknikaj konferencoj, laŭ decido de la Internacia Centra Komitato aŭ de la Internacia Konsilantaro. Tiuj instancoj tamen ne zorgos pri konferencoj politikaj aŭ religiaj.

12. La oficialaj komunikoj de la oficialaj Institucioj estas publikigataj pere de la Esperantistaj gazetoj. La oficialaj dokumentoj kaj raportoj estas publikigataj per zorgo de la Internacia Centra Komitato en la Oficiala Bulteno kaj en la Oficiala Dokumentaro laŭ ĝia nuna formato.

### XI. OFICIALAJ JARLIBRO KAJ BULTENO

1. U.F.E. aperigos ĉiujaran jarlibron kaj oficialan bultenon, kiujn ricevos ĉiu membro laŭ kondiĉoj de ĉapitro VI. Tiu ĉi bulteno aperos minimume dufoje dum la jaro. Ĝi povas pli bone esti presata en la gazeto de la koncerna nacia societo se tian gazeton ricevas ĉiu membro. Se ne, la Centra Oficejo liveras al la nacia societo sufiĉan kvanton da represajoj por la dissendo.

2. La oficejestro interŝanĝas la Oficialan Bultenon kun la esperantaj gazetoj kaj sendas al ili, en okazo de urĝeco, ĉiujn informojn necesajn.

### XII. HONOROFICOJ, MON-KOMPENSOJ

Ĉiuj funkcioj, krom tiu de la oficejestro kaj lia oficistaro, estas plenumataj honorofice kaj sen kompensa salajro aŭ subvencio. Tamen laŭ decido de la Internacia Centra Komitato, apartaj servoj povas esti mone kompensataj.

### XIII. MODIFOJ EN LA STATUTO

Modifoj en la Statuto de U.F.E. povas esti pritraktataj nur se la koncerna propono estas prezentita de la estraroj de almenaŭ ses naciaj societoj kaj sendita almenaŭ ses monatojn antaŭ la kongreso al la Internacia Konsilantaro, kiu devos ĝin priparoli. La membroj de la Internacia Konsilantaro, devas ricevi la proponojn almenaŭ tri monatojn antaŭ la kunveno, en kiu la propono estos pritraktata. La propono estos akceptata se estas al ĝi favoraj minimume du trionoj de la voĉoj devenantaj de almenaŭ tri kvaronoj et la naciaj societoj aliĝintaj, kaj plenumintaj ĉiujn siajn devojn kontraŭ U.F.E.

### XIV. DISIĜO

1. U.F.E. ne povas esti disigata se almenaŭ tri naciaj societoj restas al ĝi aliĝintaj. Propono pri disigo devas esti decidata de la Internacia Konsilantaro per minimume du trionoj de ĉiuj voĉoj de siaj membroj. La limtempo por la propono kaj cetera procedo de eventuala disiĝo estas la sama, kia tiu por la modifoj en la statutoj laŭ ĉapitro XIII.

2. En kazo de disiĝo, la Internacia Konsilantaro Reprezenta decidas pri la destino de la havajo de U.F.E.

### ALDONO AL LA STATUTO DE U.F.E.

*Budĝeto por 1933*

I. ENSPEZOJ

(Parto el la kotizo de la naciaj societoj por la internacia centro)

| | sv.frk. |
|---|---|
| 5.500 membroj po 0.50 sv. frk. | 2.750.— |
| 3.500 membroj po 2.50 sv. frk. | 8.750.— |
| 750 membroj subtenantaj po 4.— sv. frk. (neta post pago por gazeto) | 3.000.— |
| 100 Patronoj po 75.— sv. frk. | 7.500.— |
| Kongres-procentajo (1.250 × 20 %) | 6.250.— |
| | 28.250.— |

II. ELSPEZOJ

| | |
|---|---|
| Salajroj | 15.000.— |
| Lupago | 2.200.— |
| Oficejaj bezonajoj | 2.500.— |
| Poŝtelspezoj | 2.000.— |
| Akademio kaj L.K. | 600.— |
| Jarlibro | 5.000.— |
| Dissendo de la Bulteno (nur necesa) kiam nacia societo ne havas gazeton) | 950.— |
| | 28.250.— |

## Rimarkoj

Ni mallonge esploru tiun projekton laŭ ĝia teoria kaj praktika valoro. « La » naciaj societoj esperantistaj do decidis fondi Federacion. Espereble oni ne riproĉos nin denove pri malĝentileco, se ni konstatas ke tiu decido estis alprenita en Parizo de la reprezentantoj de la societoj Brita, Franca, Germana, Itala kaj Sveda, dum protestis 4 aliaj societoj, kaj ne voĉdonis aŭ ne estis reprezentita la tuta resto el la 37 naciaj societoj esperantistaj. Por ke la Federacio funkciu kaj havu ioman universalecon, estos ankoraŭ necese ke bona nombro el tiuj societoj oficiale aliĝu, akceptante la altan financan ŝarĝon por siaj membroj. Eĉ ĉiuj naciaj societoj kune, neniel atingus la geografian disvastigecon de la nuna Universala Esperanto-Asocio kun siaj Delegitoj en pli ol 70 landoj, kaj preskaŭ 2000 lokoj.

La intenco krei internacian movadon per ligo aŭ federacio de societoj sur nacia bazo estas tiel malnova, kiel la kredo ke en kunsido de nacianoj el diversaj landoj elkreskos aŭtomate supernacia spirito. Laŭ tiu recepto jam laboris multaj societoj antaŭ la eltrovo de nia lingvo ; la plej vasta nuntempa specimeno estas la Ligo de Nacioj, kiu klopodas eltiri la maksimumon el malperfekta sistemo. Konsiderate el la nacia vidpunkto, la statuto de la Esperantista Federacio estas laŭkutima produktaĵo, nek pli bona aŭ malpli bona ol la modeloj de kiuj oni povis kopii. Tamen, la prudenta samideano eble demandos sin, ĉu por nia malriĉa movado estas necesa tiom komplika estraro kun minimume 5 apartaj komisionoj ; li miros kiel povos funkcii organizo kies gravaj decidoj devas esti aprobitaj de ĉiu nacia societo aparte, kaj li ne trovos respondon al la problemo kio okazos ĉe mankanta unuanimeco. Ĉu ekzemple nacia societo, kiu malaprobas proponon, estos devigata per la plimulto, ĉu ĝi restos libera pri tiu speciala afero kaj ankaŭ ne devigata pagi por ĝi ? Eble tiuj, kiel aliaj fundamentaj punktoj estas, laŭ la akompana letero nuraj « *detaloj* », kies pridiskutado ne haltigu la « *tiom necesan tujan akcepton* ». Tamen ne detalo, sed grava afero por ĉiuj Esperantistoj estas certa cifero en la budĝeto, nome enspezo de Fr. svisaj 6,250. — el la kongresoj, gajnotaj per deviga impoŝto de Fr. sv. 5.- po kongresano. Tiu kutimo, enkondukita antaŭ kelkaj jaroj por subteni la laborojn de la ĝisnuna Internacia Centra Komitato, praviĝis per la kunagado de praktike ĉiuj naciaj societoj kaj de UEA sub la kontrakto de Helsinki. Sed, ĉu estonte, kiam kelkaj aŭ multaj naciaj societoj ne partoprenos la Federacion, kiam UEA estos denove tute sendependa, ĉu tiam la membroj de tiuj organizaĵoj devos daŭre oferi po Fr. sv. 5. — el sia kongreskotizo por Federacio al kiu ilin ligas nenia intereso ? Laŭ sia statuto, la Federacio daŭras ekzisti, se nur 3 naciaj societoj restas en ĝi. Povus do okazi ke ekzemple nur 10, eĉ nur 3 naciaj societoj plene regus la kongresojn, kaj sub preteksto de « *oficialeco* », enkasigus belan sumon por si, donante (laŭ nuna projekto de budĝeto) tutajn 10 procentojn al la Lingva Komitato. Preterpasante ni rimarkigas, ke ankaŭ el ebla kongresa profito la Federacio prenos du trionojn, dum pri ebla malprofito silentas la statuto. La Universalaj Kongresoj, jam ofte kritikitaj, ne gajnos plian sendependecon, fariĝontaj kvazaŭ la privata afero de tiu Federacio. Ĝia kulpo do estos, se rekomencos disputoj pri tiu grava temo aŭ se la ne-konsentuloj kongresos mem, pli serioze kaj kun malpli da kostoj.

## Administrado

Estas ĉies rajto fondi tiom da societoj kiom oni opinias necese por la bono de la homaro aŭ por la propraj interesoj. Tamen, interne de movado nete difinita kiel la esperantista, nova fondaĵo pravigu sian ekzistrajton, pruvante ke ĝi efektivigos novan ideon aŭ plenumos ian taskon pli bone ol la ĝisnunaj societoj. En la statuto de la Federacio troviĝas : *Neniu ajn nova ideo* ; la konataj celoj propagandi kaj organizi kongresojn — do fari tion kion ĝis nun ankaŭ plenumisla naciaj societoj en la pli simpla organizo de Ko-Ro, kaj unu « nova celo » : fari servojn kaj publikigi jarlibron kaj bultenon. Kiel tiuj servoj estos organizataj, tio vidiĝas el ĉapitro VIII de la Federacia statuto ; de kiu oni afable prunteprenis la spiriton, tion pruvas la aldonitaj reguloj de UEA. Ni kredas do diri la absolutan veron, certigante ke tiu nova Federacio alcelas nenion alian aŭ plene forigi nian asocion, aldonante al la konataj taskoj de la naciaj societoj la agadon internacian de UEA. Tial la surprizo en Parizo, tial la rapidegeco per kiu la aliaj naciaj societoj devu engluti la aferon.

Por esti justaj, ni ekzamenu eble plej senpartie, ĉu tiu laŭŝajna simpligo estos, kiel oni pretendas, por la bono de la movado, ĉu estas do la morala devo de UEA malaperi plej rapide el la maldankema mondo, lasante sian nomon, sian havaĵon kaj sian taskon supernacian al kelkaj naciaj societoj.

UEA ne kredas sin perfekta, ne ĉiuj servoj estas lerte plenumataj, ne ĉiuj leteroj tuj respondataj, ne ĝia gazeto kaj jarlibro seneraraj, sed entute ĝi funkcias je la kontento de siaj membroj. Diversaj malsukcesintaj provoj ĝin kopii (la nuna estas neniel la unua) montris kiom malfacile estas fari pli bone. Antaŭ forigi entreprenon ekzistantan, ĝiaj memelektitaj heredoj montru per la originaleco de siaj planoj, per siaj sukcesoj internaciaj aŭ per specialaj administraj kapabloj ke estas ili, kiuj atingos la celon en gloro. Ŝajnas al ni ke tiu pruvo nek estas farata, nek eĉ provata. Rilate la administradon la plej forta kaj bongvidita nacia societo perdis relative kaj absolute multe pli da mono ol UEA, ne donante tiom al la membroj kiel nia asocio, kaj rilate la internacian agadon estis la amikoj de certaj naciaj societoj kiuj de multaj jaroj daŭre maltrankviligis ĝin per tiel nomitaj organizaj projektoj, dum UEA servis, laboris — kaj silentis.

La vera kaŭzo de la provita mortigado de UEA estas alia. Ne tro malbone ĝi laboris, sed ŝajne tro bone. En diversaj landoj, kie ĝia membraro pli rapide kreskas ol tiu de la nacia societo, oni timas ĝian disvastiĝon ; en aliaj oni malŝatas ĝian moralan influon, kaj plie nia malfeliĉa UEA estas dorno en la okuloj de naciistoj ĉiuspecaj, kiuj postulas ke ĉiuj aferoj de l'mondo, eĉ la inter- aŭ supernaciaj, estu aranĝataj laŭ naciaj interesoj. Tial oni atakas UEA, dirante ke baldaŭ ĝi pereos pro manko de rimedoj, promesante al la kredema Esperantistaro, ke la Federacio faros la samon pli malkare, dank al la « Unika kotizo.»

Estas vere ke UEA helpkriis komence de tiu ĉi jaro kaj daŭre bezonas la financan helpon de siaj amikoj. Sed, kun siaj financaj malfacilaĵoj ĝi estas en honorinda komuneco kun preskaŭ ĉiuj societoj kaj ŝtatoj del'mondo. Tamen, malsame al la plimulto de ili, ĝi agis ĝustatempe por ke la necesaj pliaj enspezoj pagu laŭeble la kostojn, kaj ne tro suferu la kapitalo. Se, kiel tion supozigas la ĝisnuna sperto, niaj membroj restos fidelaj kaj varbos pliajn, tiam nia asocio venkos la krizon same kiel ĝi trapasis antaŭajn. En la alia okazo tiu kapitalo, kiu ebligis utilan agadon por nia lingvo, iros verŝajne la saman vojon kien jam iris grandaj sumoj kaj miloj da senefikaj laborhoroj, al la organizbatalo kaj malpacemo interesperantista.

Post la interkonsento de Helsinki en 1922, UEA oferis favore de la internacia organizo jaran monsubtenon, kiu ĝis somero 1931 sumis ne malpli ol 19.375.- fr. svisajn. Aliflanke, ĉiuj naciaj societoj kune, en kies intereso estis starigita la plia dua internacia oficejo, kotizis dum la sama epoko 23.690.- fr. Eĉ se oni deprenas sumon de 6.750 fr. kiun UEA ricevis de l'ICK por preslaboroj en la jarlibro, restas la ne-disputebla fakto, ke nia asocio faris donacegon al la naciaj societoj. Kiam pro la mondkrizo la situacio malpliboniĝis, nia Vicprezidanto, S-ro Karsch, atentigis la kongreson en Krakovo en 1931 parole, kaj dum aŭtuno UEA informis skribe la ICK, ke daŭrigo de tia monsubteno ne estos ebla, sed ke ni penados pagi la pliajn 2.500.- frk. por 1931-32. Tion faris UEA, ne atendante dankon, sed ankaŭ ne atendante la krudan maldankon per kiu kelkaj personoj volas ĝin fari responda por la nuna situacio. Ŝajne nek estis eble pagigi la naciajn societojn korekte laŭ sia propra regularo, nek eble fari ŝparojn en la sufiĉe kosta oficejo de l'ICK, sed oni kritikis UEA kiu ŝparegas ĉe si. Ŝajne do estas la UEA, kiu per sia jara antaŭmendo necesigis rompi la kontrakton de Helsinki en du horoj, estas pro UEA ke oni petegas la naciajn societojn tiom rapide akcepti la Federacion, estas kontraŭ UEA ke oni direktis tutan militiron.

La sola simpligo kiun prezentas la propagandita Federacio estas la Unika Kotizo, kompare al la du kotizoj kiujn pagas la membroj de la naciaj societoj kiuj samtempe partoprenas la internacian agadon de UEA. Pri tiu problemo oni povus verki tutan broŝuron, esplorante ĉu la Federacio kolektos per sia metodo tiom da mono, kiom UEA per siaj kotizoj ; kiel, en okazo de neebleco, ĝi povos liveri sammulte je malpli altaj kostoj ; kiel funkcios estraro kaj servoj dependaj de multoblaj naciaj kaj lokaj estraroj, ktp. Ĉi-tie ni resumu mallonge nur kelkajn punktojn : Parto de la membroj de UEA ne estas en naciaj societoj, nek volas esti en ili. Se sole tiuj personoj restus en UEA kaj ĝin regadus je sia bontrovo, la movado disiĝus ankoraŭ pli ol jam nun. Al multaj membroj de naciaj societoj la aparta kotizo al UEA ne estas malagrabla, ĉar pagota dum alia monato, kaj ili opinias ke estas tute logike pagi aparte kaj pli multe por la speciala organizo de la aktivaj, internaciemaj Esperantistoj. Plie nia Asocio, kiu ne atendas puŝojn de aliaj, jam faris en kelkaj landoj aranĝojn por ke la duobla enkasigo fariĝus per unu persono. Ankaŭ la faman unikan kotizon UEA antaŭvidis, kaj en pli bona formo ol la nuna projekto, t.e. libervola, ne deviga, kaj pli alta ol la proponitaj 50 centimoj, kies ĉefa parto eluziĝos en administro. Ĉu ni memorigu, ke dum 1930 UEA prezentis al la Brita Asocio planon de unika kotizo kiu en voĉdono de la Britaj membroj ricevis 502 jes kontraŭ 100 ne. Do, brile akceptita ? Ne, ĉar laŭ brita regularo ne partoprenis sufiĉa nombro de voĉdonintoj. Sekvas, ke pro atento al personoj kiuj per ne-voĉdonado pruvis sian malintereson, ne efektiviĝis la « unikeco », kies mankon oni riproĉas al ni. Cetere tiu unika kotizo neniel estas la fundamenta ŝtono de la movado, sed administra aranĝo tre dependa de la kutimoj kaj financforto de la diversaj landoj. UEA, kiu flanke de « naciaj membroj » ĉiam havos parton da membroj rekte kaj plene pagantaj, kapablos eĉ pli bone fari tiajn aranĝojn ol Federacio kun sia rigida sistemo. Kiel ajn oni prikonsideras la kotizan problemon, ĝi certe ne pravigas revolucion.

La samo valoras por alia kaŭzo, kiu eble influis la projektantojn de la Federacio. Ekzistas kelkaj ŝtatoj kiuj

nuntempe malpermesas al siaj regnanoj esti membroj de internacia organizaĵo aŭ malebligas la membrecon per administraj haltigoj. Por tiuj landoj oni devas elpensi esceptan sistemon. Tian eblan neceson UEA jam antaŭvidis en sia statuto de 1920, art. 70, kaj provon de ĝi niaj membroj vidos en la venonta jarlibro. Sed, estas fundamenta diferenco ĉu ni Esperantistoj adaptas nin pro kruda neceso al la leĝoj de kelkaj ŝtatoj, ĉu el tiu devigo ni faras virton esperantistan.

## Principoj

La aranĝoj kaj spertoj de UEA, ĝia bonfamo, la amo kaj sindono de multaj el ĝiaj membroj, ĉiuj tiuj valoroj estas ankaŭ valoroj de la movado, tial la prudenta Esperantisto pripensos dufoje antaŭ ol li ilin detruos. Tamen, se eĉ la nacia Federacio estus multe pli lerte konstruita ol ĝi estas, se ĝi donus ĉiujn garantiojn de bona funkciado, havus eminentajn gvidantojn, kaj sakojn da mono, eĉ tiam UEA ne rajtus rezigni je propra ekzisto, kaj tiel perfidi siajn principojn.

Estas la celo de UEA kunigi sub la verda standardo ĉiujn homojn kiuj kredas ke la homaro formas unu grandan familion, kiuj estas pretaj direkti siajn agojn kaj tiujn de siaj kunnacianoj laŭ tiu kredo, kiuj aspiras pacan interkomprenigon per la lingvo kaj en la spirito de nia majstro.

Pro tiu kaŭzo UEA volas laŭstatute « plifaciligi la moralajn kaj materiajn rimedojn inter ĉiuj homoj, kaj « kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj.»

Rigardu la principojn de la Federacio, kiu ja volas anstataŭi UEA, kaj la diferenco saltos al la okuloj! Ni ne riproĉas ĝin pro tio. Tute logike ĝiaj redaktoroj diris al si, ke en Federacio de naciaj societoj, ne estas loko por la homaro.

Organizo laŭ nacioj aŭ landoj estas la kutima kaj taŭga formo por propagandi iun ideon interne de la landlimoj. Organizo inter la nacioj por komunaj celoj estas la sole ebla procedo de ŝtataj registaroj, kaj ĝi estis la eblaĵo de privataj societoj ĝis la epoko de Zamenhof. Per sia lingvo la Majstro konstruis la vojon por ĉirkaŭi la naciajn kaj politikajn diferencojn, per sia vivo li instruis nin : Unuiĝu sur neŭtrala lingva fundamento, kiel Esperantistoj forgesu ĉion, kio disigas, fariĝu homoj, amante unu la alian.

Ĉu do, 45 jarojn post apero de la lingvo Esperanto, ni refalu en la arkaisman staton kie ankoraŭ troviĝas la ne-Esperantistoj, ĉu ni oferu la fundamentan principon de nia movado por plaĉi al la profetoj de l'naciismo, kiu nuntempe regadas kaj malfeliĉigas la mondon ? Certe ne ! Oni povas malbonfamigi UEA, oni povas konsili al la membroj de naciaj societoj ne plu aliĝi al ĝi, oni povas forpreni ĝiajn servojn kaj havaĵon : neforprenebla restos ĝia idealo de supernacieco. — UEA akceptas rekte kiel plenrajta membro ĉiun honorindan personon, ne demandante de kie ĝi devenas kaj kion ĝi kredas. La Federacio nur konas naciajn societojn, unu po regno. Esperantisto kiu ne volas eniri tiun unikan regnan societon de sia lando, aŭ ne plaĉas al ties estraro, neplu ekzistos por la internacia movado. — En UEA la voĉoj de ĉiuj Delegitoj estas kunmetataj kaj la plimulto decidas, en la Federacio oni voĉdonas proporcie laŭ nacioj ; en UEA la elekto de la Delegitoj kaj la servaro ĉefe dependas de la centro, en la Federacio de la naciaj grupoj kaj naciaj societoj., k.t.p. — Kie tio estas ebla, UEA malatentas intence naciajn kaj lingvajn diferencojn, nur konante Esperantistojn, la Federacio dividas siajn membrojn zorge laŭ nacioj, akcentante ĝuste tion, kio disigas la homaron. Plia malfacilaĵo ekestos en la landoj kun pluraj, tiel nomitaj, naciaj aŭ regnaj societoj, kiam la malfeliĉa Federacio devos decidi kiu el ili estas la vera, kaj kiu la superflua. Ni tro multe fidas al la bona senco de la Esperantistoj por kredi ke la nacia principo vere venkos en la movado. Multaj samideanoj, konvinkitaj pri la neceso de naciaj societoj por la enlanda propagando, bone konscias ke la tutmonda laboro bezonas alian fundamenton. Aliaj estas jam nun ne organizitaj nacie aŭ en societoj malakceptotaj de la Federacio ktp. Sed grava danĝero minacas la movadon per tio, ke sub la flago de l'naciismo oni faras koncedojn al la nuntempaj politikaj fluoj ; ke kelkaj societoj sin nomantaj « oficialaj » regados la kongresojn ; ke anstataŭ unu servaro internacia, ĝis nun bone funkciinta, estos du ; ke anstataŭ lojala apartigo de la laborkampoj rekomencos malordo kaj malpaco.

Devigitaj montri la diferencojn inter la du organizaj principoj, ni atentigas insiste, ke ĝi nur koncernas la internacian agadon. UEA, plene rekonante la devojn de ŝtatano kontraŭ sia regno, neniam agis kontraŭ la naciaj societoj esperantistaj, eĉ rekomendas kaj laŭeble helpas ilin. Multaj el la Komitatanoj de UEA estas en naciaj estraroj. Ĝuste, ĉar ni estis en bonaj rilatoj kun ĉiuj, laŭ interkonsento ne perfekta sed perfektigebla, ni treege bedaŭrus se tiu Federacio disigus kiel kojno la unuecon esperantistan, kaj devigus la pacan UEA deklari defendmiliton por sia ekzisto. Ni ne povas fini tiun ĉapitron pli trafe ol per la deklaro farita dum la Pariza Kongreso :

« UEA bedaŭras la disŝiron de la kontrakto de Helsinki kaj deklaras sin ĉiam preta labori kun la Naciaj Societoj kiel antaŭe.»

## La procedo

Per konata rapideco oni forigas en Parizo la tutan ĝisnunan sistemon kaj akceptigas en surprizita kunveno de naciaj societoj la principon : « Estas nur unu internacia organizaĵo, kiu plenumos la nunajn devojn de ICK, UEA kaj KR.» Plia principo fiksas, ke fariĝos membroj de ĝi la membroj de la naciaj societoj, ke la naciaj societoj elektos la delegitojn ktp. — Tuj poste oni elektas komisionon por starigi statuton kaj budĝeton. La Prezidanto de UEA estas plurfoje invitata delegi du personojn sed li nete rifuzas, dirante ke laŭ sia kompreno oni disponas pri UEA kvazaŭ ĝi ne plu ekzistus, kaj ke li ne vidas lokon en la nova organizo por la asocio kiun li havas la honoron reprezenti. Estas tiu rifuzo kiu intertempe devis servi kiel nova kulpigilo kontraŭ la obstina malcedemo de nia asocio. Kia estas la problemo ? En la esperanta domo kunloĝas pace la familioj A, B kaj C. Iun belan tagan s-ro A konvinkigas s-ron B ke po du ili loĝus pli komforte. Sekve oni decidas « S-ro C kun lia familio tuj foriru el la domo, li bonvolu lasi siajn meblojn al ni kaj estas kore invitata partopreni komisionon por efektivigi tiun decidon.» Ĉu vi, estimata leganto, irus plori en la brakojn de s-ro A aŭ helpus prepari vian propran eksigon ?

Sufiĉe precize tri monatojn post la kongreso, la projekto de Federacio alvenis al la ekzameno de UEA kaj de la naciaj societoj. Intertempe UEA atendis, ne volante oficiale prikonsideri aferon malpretan. Kaj la alia flanko ? Ni scias ke jam en Oktobro, do antaŭ kiam UEA havis ekzempleron en la mano, oni rekomendis en Britujo al niaj delegitoj eksiĝi el UEA favore de la Federacio.

La Franca societo dissendis cirkulerojn en kiuj ĝi parolas pri « fina batalo » kaj konsilas al siaj membroj prokrasti la

kotizpagon al UEA. — Tian procedon certe ankaŭ malaprobos membroj de ĉi tiuj societoj, kiam ili konos la faktojn.

Baldaŭ la naciaj societoj decidos pri la propono. Multaj el ili konscios, ke estas nenia neceso, tiom senpripense kaj rapidege konstrui kiel oni detruis; ili taksos la pliajn kostojn kiujn havigos al ili la Federacio. Ili komparos la riskojn moralajn kaj financajn de entrepreno starigata sub tiom misteraj cirkonstancoj, eble ili konvinkiĝos ke la ideoj kaj servoj de UEA ne estas tiom malbonaj, kaj ree tendos siajn amikajn manojn al ni, por studo de plano pri internacia kunlaboro.

La naciaj societoj staras almenaŭ antaŭ la preciza demando « Ĉu vi volas aŭ ne volas esti en la Federacio ». Sed UEA ? Nian tutan servaron oni forprenas ; nia ĉefideo : «Libera homo en libera movado» estas piedpremita ; nia memstareco oferata al reprezentantaro de naciaj societoj. Nenio do restus ol la nomo. Ankaŭ ĝin ni devus fordoni, laŭ la plendo de s-ro Dubois, « ke la sinteno de la estraro de UEA en Parizo ne permesis ĝin tuj uzi.» Ni konstatas tute formale, ke en tiu Federacio ne restas la plej modesta angulo por la plej forta internacia asocio, sukcese laborinta dum baldaŭ 25 jaroj. La vera propono simple estas : « UEA estas petata pendigi sin por ke ni estu la heredantoj.» Eble mi estas tro kruda. Tiam, estimata leganto, relegu atente la akompanan leteron de S-ro Dubois, kiu volas festi en Köln la jubileon de UEA *« per transformo »* de ĝi en pli grandan ĝeneralan organizon.

Tiu ĉarma «transformo» estos nun trankvile konsiderata de la Komitato de UEA, kiu donos oficialan respondon. Decidon ĝi eĉ ne bezonus preni, ĉar ŝanĝoj de la societaj celoj ne povas esti altrudataj al iu ajn membro, kaj post ebla finiĝo de la asocio, kelkaj Esperantistoj povus tuj ĝin refondi, reprenante nomon kaj havajon. La juristoj de la Federacio, kiuj bone sciis kopii la partojn de nia statuto al ili plaĉantajn, ne konsideris ke ĝuste niaj celoj estas plej profunde fundamentitaj.

Flanke de la jura malebleco, kaj multe pli grava, estas la morala. Ekzistas ankoraŭ naciaj societoj kiuj ne helpos facilanime detrui la fieran esperantistan palacon penplene konstruitan de UEA. Ni havas delegitojn kaj membrojn kies amo al nia asocio, kies kredo al la fina venko de la interna ideo estas neŝanceligeblaj. Ju pli la tendenco ĉion konsideri kaj organizi laŭ naciaj interesoj eniras la movadon, despli la konvinkitaj esperantistoj kolektiĝos sub la standardo de UEA. Ĉiam havinta bonajn rilatojn kun la naciaj kaj aliaj Esperanto-societoj, preta tuj denove traktadi kun ili pri internacia organizo vere universala, nia asocio tre bedaŭrus se pro la neakceptebla Federacia plano ekbrulus milito inter-esperantista. Se necese, UEA ĝin kondukos energie kaj lojale, kiel decas al defendantoj de la Zamenhofa idealo.

*Ed. Stettler.*



# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1933 — N-ro 23 — Decembro 1932**

*Budĝeto* 1933. — Konforme al statuto Art. 48-4 ni submetis la budĝeton por la jaro 1933 al la Komisiono kaj Komitato de UEA.

| *Elspezoj :* | Fr. svis. |
|---|---|
| 1. Salajroj 6 personoj | 20.000.— |
| 2. Oficejo Luo, hejto | 3.600.— |
| 3. Revuo & sendo dek N-roj | 13.000.— |
| 4. Jarlibro 320 paĝoj | 6.000.— |
| 5. Afranko Oficejo | 4.000.— |
| 6. Afranko Teritorioj | 3.000.— |
| 7. Presajoj | 2.000.— |
| 8. Materialo | 1.000.— |
| 9. Premioj Subtenantoj | 2.500.— |
| 10. Premioj Frupag. Varb. | 2.500.— |
| 11. — | — |
| 12. Telefono. Telegramoj | 300.— |
| 13. Vojaĝelspezoj | 800.— |
| 14. Imposto-asekuro | 300.— |
| 15. Biblioteko | 200.— |
| 16. Ilaro oficeja | 300.— |
| 17. Propagando | 500.— |
| 18. — | — |
| 19. Interezoj | 900.— |
| 20. Diversaj | 850.— |
| Sumo de l'elspezoj | 61.850.— |

| *Enspezoj :* | | | |
|---|---|---|---|
| 1. 300 | Helpmembroj | | 450.— |
| 2. 3.000 | Membroj | | 9.500.— |
| 3. 4.400 | M-Abonantoj | | 33.900.— |
| 4. 500 | Subtenantoj | | 10.450.— |
| 8.200 | anoj. Sumo : | | 54.300.— |
| 5. Entreprenoj | | 750.— | |
| 6. Anoncoj (revuo) | | 1.250.— | |
| 7. Abonoj | | 500.— | |
| 8. Anoncoj : Jarlibro | | 500.— | |
| Nekotizaj enspezoj | | | 3.000.— |
| 9. Gajno el servoj | | | 1.050.— |
| 10. Donacoj | | | 500.— |
| 11. Subteno Asocia Kapitalo | | | 3.000.— |
| Sumo de l'enspezoj | | | 61.850.— |

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto : Dua Serio :*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk. Svis. | 15.300.— |
| 52. S-ino M. Magnus en Orléans, France | | 300.— |
| | Frk. Svis. | 15.600.— |

Sinjorino Magnus en Orléans skribis al ni :

« *Dezirante pruvi al vi mian fidelecon al UEA, mi vin petas ŝanĝi la titolon de Subtenanta Membro por tiu de* Dumviva Membro *kaj depreni la necesan monon de mia konto.* »

*Atentigo:* En ĉapitro IX. paĝo 77, de l'verko *Analiza Historio.* de E. Drezen, troviĝas granda fakteraro. Temas pri la postmilita agado de D-ro Edmond Privat. Laŭ tio la aŭtoro asertas, ke D-ro Privat ricevis salajron de l'Internacia Centra Komitato. Fakto estas :

1) D-ro Privat ne ricevis salajron de *Internacia Centra Komitato* nek ian pagon, kiu sub alia formo povus aperi kiel salajro.

2) Li riecvis honorarion de Universala Esperanto-Asocio kiel redaktoro de *Esperanto*, sumo ĉiujare voĉdonita de la Komitato de UEA en regule submetita budĝeto.

3) Lia propaganda kaj organiza laboro plej parte sub la firmo de l'ICK estis senpaga kaj sen kompenso sub kiu ajn formo.

*Gratulo.* — S-ro William Phillimore, Subtenanto de UEA jam aliĝinte en 1908 al nia Asocio, iama Delegito en Battersea (London atingis 88 jarojn la 11 Nov. 1932. Al la dua plej aĝa ano de UEA) kiu ankoraŭ nun fervore laboras por nia afero, kopiante esp. librojn en Brajla skribo, ni esprimas sincerajn bondezirojn.

*Brita Teritorio* : S-ro Cecil Goldsmith demetis la funkcion de Teritoria Sekretario de U.E.A. — Bonvolis akcepti provizore tiun ĉi taskon S-ro Fred E. *Wadham,* 2, Heathdene Road, London S.W. 16. Telefono : Pollards 4661. Ĉiuj aferoj pri administrado iru do al li.

*Belga Teritorio* : En Flandra Esperantisto aperis noto, ke akceptas kotizojn por UEA S-ro Debrouwere kaj post rezigno, la F.E.I. Ni atentigas, ke laŭ la statuto de UEA rajtas akcepti kotizojn al UEA la loka Delegito. Kie ne estas tia, la ĉefdelegito, aŭ se ne ekzistas tia, la Centra Oficejo. Ni ne komisiis la F.E.I. akcepti aŭ peri kotizojn kaj petas, ke oni sekvu nepre la statuton de UEA, sola gvidilo por nia laboro.

*Korekto.* — Dum Novembro ni dissendis cirkuleron al niaj britaj membroj. En ĝi estis eraro. Ni skribis, ke la Brita Esperanto-Asocio dissendis cirkuleron al la Delegitoj kaj membroj de UEA, invitante ilin aliĝi al la nova projekto sekve forlasi UEA.
La fakto estas, ke la dirita cirkulero de la BEA estis sendita nur al la Delegitoj de UEA, samtempe anoj de la BEA.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Ĉeĥoslovakio

*Jihlava* (Moravio). — D : Aleksej Ljubov, trikisto, Štainova 48.
*Kdyne* (Bohemio). — D : Bohumír Podzimek, posedanto de librovendejo, Náměstí 143.
*Mirovice* (Bohemio). — D : Jan Holicky, instruisto, Meštanská škola. — VD : Jan Vrba, kapelano.
*Neukirchen-b/Eger* (Bohemio). — D : Josef Steinsdörfer, supera instruisto.
*Nieder Liebich* (Bohemio). — D : Edgar Kovaržik, laboristo.

### Danlando

*Hellerupp* (Sjoelang). — D : Poul Jörgensen, licenciato, Rygaards Allé.

### Francujo

*Buxières d'Aillac* (Indre). — D : Félicien Baronnet, instruisto.
*Cherbourg* (Manche). — D : Francis Macé, policinspektoro, 104, rue Asselin.
*Gien* (Loiret). — D : Jacques Chevallier, geometro, 16, pl. d'Alliès.
*Touques* (Calvados). — D : Dr. med. Frédéric Spindler, médecin inspecteur d'hygiène, av. Arist.-Briand.

### Germanujo

*Bochum-Langendreer* (Westfalen). — D : Adolf Peters, instruisto, Lunsenderstrasse 20.
*Branitz* (Oberschlesien). — D : Carl Lorenz, direktoro.
*Eslohe* (Westfalen). — D : Josef Grotenhöfer, instruisto.
*Fischbach* (Hessen-Nassau). — D : Heinrich Roth, ĉefinstruisto Kelkheimerstr.
*Herrstein.* — D : Dr. med. Josef Hock, kuracisto.
*Rieste* (Kr. Bersenbrück). — D : Karl Vosteen, fervojoficisto.
*Speyer* (Pfalz). — D : Armin Diener, poŝtoficisto, Landauerstr. 33.
*Stolpen* (Sachsen). — D : Max Fuchs, fremdlingva korepondisto, Langenwolmsdorf 10.
*Wasungen* (Thüringen). — D : Albert Brückner, instruisto, ĉe Hermann Günkel, Hauptstrasse.

### Hispanujo

*Fuenterrobles* (Valencia). — D : Julian Lopez Pedron, posedanto.

### Honduraso

*Tegucigalpa.* — D : f-ino Visitación Padilla, jurnalistino.

### Polujo

*Zgierz* (Lódz). — D : Dr. med. D.R. Soloniewicz, Stary Rynek. VD : B. Dyleski, absolv. de komerca lernejo, Sienkiewicza 31.

### Portugal

*Viseu*-Vizeŭ (Beira Alta). — D : Manuel Coelho Fortes do Vale, subleŭtenanto, Cava do Viriato.

### Svedlando

*Tollarp* (Skåne). — D : Allan Anderson, butikestro, kooperativa Handelsföreningen.

### Svislando

*Boudry* (Neuchâtel). — D : Robert Frochaux, oficisto, pharmacie.
*Brugg* (Aargau). — D : Cäsar Rauber, fervojkond. Frickerstr. 449.

### Usono

*Braintree* (Mass.). — E.L. Southwick, leterport. 135, Middle Street.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plus estas D en jenaj lokoj :

*Britujo* : Gateshead. — *Ĉeĥoslovakio* : Böhmischdorf; Ĉaslav; Dolní Poustevna; Hosúsovo; Landskron; Louky; Modrany; Nieder Wittig; Rehberg; Sázava; Ujezdu. — *Danlando* : Naerum. — *Francujo* : Pont-l'Evêque; Saint Erblon. — *Germanujo* : Bramsche; Landstuhl; Lohmen; Neisse; Wölfershausen.
*Hungarujo* : Moson. — *Jugoslavio* : Metkovici.
*Nederlando* : Voorst. — *Nov-Zelando* : Feilding.
*Pollando* : Zychlin. — *Svedlando* : Billesholm Gruva.
*Svislando* : Nesslau. — *Usono* : Mount Pleasant; Uxbridge.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 oktobro 1932 | 1.976 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | — 29 lokoj |
| | 1.947 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.10.32 ĝis 15.11.32 | + 27 lokoj |
| Stato je la 15 Novembro 1932 | 1.974 lokoj |

Genève, 15 Novembro 1932. *Direktoro de UEA.*

# Per Amo por Paco

La tuta mondo suferas tre gravan krizon kaj angoro ĉiujn premas Estas evidente ke por restarigi normalajn kondiĉojn de vivo, necesas ke pliboniĝu la rilatoj inter la najbaraj grandaj ŝtatoj : Francujo kaj Germanujo.
Por helpi la trafon de tiu celo, la *Section Française* de l'Entr'aide Européenne (Franca sekcio de l'Eŭropa Inter-Helpo) kuraĝigita de konataj francaj personoj k. Asocioj pacocelaj, kies nomojn ni ne povas mencii ĉitie pro manko da loko, sed kiujn ni konigos al la dezirsprimontoj, decidis ke ĝi kreos dum la venonta vintro, en laborista kvartalo de Berlin akceptejon kiu nutros kaj zorgos infanojn de germanaj senlaboruloj. Francaj Bonvoluloj senpage faros la servon por pruvi per solidareca ago, per kreo de paca medio, ke miloj da francoj deziras la pacon kaj konscias la profundan mizeron de la germana popolo.
Dank'al donacoj jam ricevitaj la nutrej-hejmeto baldaŭ malfermiĝos sed granda sumo estas ankoraŭ necesa. Al ĉiuj Francoj en- kaj eksterlande loĝantaj ni faras varman alvokon : *Helpu* laŭ via donacpovo ! Al la aliaj, ni diras : Franclando devas iniciati tiun agadon, ni havas la devon montri per frateca gesto la senton, ke ni ankaŭ estas parte kulpaj pri la nuna situacio, sed tamen ni estos dankemaj al ĉiuj pacamantoj kaj kompatemuloj, krom niaj germanaj samideanoj, kiuj deziros kunlabori per donaco.
La donacojn ricevas : Germaine Melon, sekretariino de la Section française de l'Entr'aide Européenne, 12, rue Guy de la Brosse (oficejo de la Societo de la Amikoj, kvakeroj (Paris, 5ᵉ; Poŝta ĉekkonto : G. Melon. Paris 346-73.

René VALTON.
*Sekretario de la franca kvakera Societo.*

# Tra la Mondo Esperantista

# Al Solvo de l'Organiza Problemo

**Principoj: Libereco en agado, unika kotizo laŭvola, favoro por la paganta membro.**

## Kontrakto kun Nacia Societo.

En la speciala numero de *Esperanto* dissendita dum Novembro al ĉiuj membroj de UEA, ni informis pri la maniero, laŭ kiu la dezirata unuecigo de la Esperanto-Movado estos ebla, sen granda perturbo. Ni daŭrigas niajn klopodojn en tiu ĉi direkto, tie kie bezono kaj ebleco montriĝas. Ni konigas la respondon de la prezidanto de AEA, kun la konfirmo:

Aŭstria Esperanto-Asocio
Weissenwolfstrasse 31
*Linz a.d. Donau.*

Linz, la 14an de Oktobro 1932.
*Al Universala Esperanto-Asocio*
GENEVE.

Ni rapidas konfirmi la kontrakton faritan inter vi kaj Laborkomitato de Vienaj Esperanto-Societoj sub dato de la 5a de l' nuna monato kaj validan por tiu ĉi organizo.

Ĉi tiu kontrakto laŭ la konvinko de la estraro de AEA plenumas ĉiujn principojn, en Paris starigitaj por la reorganizo krom la kvina kies solvon ĝi konfidas al pluaj traktadoj. Malgraŭ ĉi tiu plenumo de la principoj de Parizo ĝi ne rompas la historian tradicion, la kvietan evoluon de la movado; ne anstataŭas formon, dum kvaronjarcento elprovitan kaj meritplenan, per nova formo; sed verŝas novan sangon kaj novan spiriton en la Universalan Esperanto-Asocion, kiu, malgraŭ ĉio, estas ankaŭ ĉi-tempe la plej kara al la plimulto de la Esperantistoj. Ĉi tiu kontrakto lasas plenan liberecon al ĉiu esperantisto, sin organizi laŭ propra bontrovo kaj kompreno, donas tiel al la Esperanto-propagando ne limigatajn eblojn por varbado kaj tamen ebligas, ke ĉiu membro de nacia societo estas samtempe subtenanto de la internacia organizaĵo, pagante al ĝi unuecan kotizaĵon, kiu estas entenata en la nacia kotizaĵo, ankaŭ se li ne volas aliĝi al nacia organizaĵo aŭ loka grupo, restante plene libera en siaj decidoj, simpatioj kaj antipatioj, tamen estas samtempe subtenanto de la nacia organizaĵo, pagante unuecan kotizaĵon.

La estraro de AEA kaj kun ĝi, granda parto de la Aŭstria Esperantistaro, inter kiuj troviĝas gvidantaj personoj de la publika administrado, kun ĝojo salutos ĉi tiun kontrakton, ĉar ĝi montras vojon, sur kiu la reorganizo de la movado povos efektiviĝi sen la malamikaj bataloj kaj atakemaj diskutoj, kiuj akompanis la ĝisnunajn planojn kaj kiuj ankoraŭ nekompareble pliakriĝos, se ne baldaŭ troviĝos sincera kaj honesta interkonsento, kiu sola estas inda kaj ebla por esperantistoj. Ĉi tiu kontrakto ĉi-sence forigos la grandajn danĝerojn minacantaj nian movadon ĝuste en la plej kriza momento kaj la esperantistoj de Aŭstrio esperas, ke la esperantistoj en aliaj landoj, en internacia solidareco Zamenhofa, sobre kaj atente trastudos ĉi tiun kontrakton, kiu jam ekfunkciigis por utiligi ĝin por la venontaj reorganizaj diskutoj.

Aliflanke, tre estimataj sinjoroj de la estraro de UEA, ni estas, laŭ la kontrakto, ĵus ekvalidanta, pretaj ĝin adapti al la internaciaj reorganizaj decidoj, se tiuj honeste helpos unuecigi la movadon, en demokrata maniero, lasante al ĉiu nacia societo la liberecon labori en sia lando por la komuna idealo laŭ propra kompreno. La aŭstriaj esperantistoj nepre neniam cedos al iu diktatora decido de iu ajn plimulto, kiu volas al ili ordoni, kiel ili laboru en sia propra lando; sed ili aliĝos al ĉiu decido utila kaj bona por la internacia reorganizo, se ĉi tiu decido respektos la juran, moralan kaj formalan liberecon kaj sendependecon de la esperantistaro.

En tiu senco ni, UEA kaj AEA, bone observu la venontajn traktaĵojn internaciajn, por ke ni povu adapti nian kontrakton, se eble, al aliaj internaciaj decidoj.

Estas granda feliĉo por Aŭstrio, ke ĝi en propra lando evitos batalojn kaj povos en paco kaj solidare labori por Esperanto. La estraro de Aŭstria Esperanto-Asocio en tiu senco do akceptas per la necesaj subskriboj la kontrakton, validan por la Vienaj Esperanto-Societoj kaj klopodos atingi ankaŭ la konsenton de la aliaj grupoj aŭstriaj por funkciigi la traktadon sur ankoraŭ pli larĝa bazo.

Esperante ke la gvidantoj de UEA komprenos la postulojn de la unuecigo ni petas ke la samideanoj faciligu kaj kunlaboru al la finkonstruo de nia organizo.

Bonvolu akcepti niajn esprimojn de altestimo kaj samideanajn salutojn.

Aŭstria Esperanto-Asocio (Oesterreichischer Esperanto-Bund)

Subskriboj: Karl Wanneck, *Prezidanto.* Rud. Ulbrich, *Sekretario.*

## Pola E-Kongreso.

Okaze de la Pola Kongreso Esperantista en Lublin, fine de Oktobro du rezolucioj estis akceptitaj: La unua de la Kongreso, la dua de la kunveno de UEA.

La rezolucioj tekstas (Pola Esperanto-Delegitaro).

1.

« La VI. konferenco de PED komisias al la Ekzekutiva Komitato de PED uzi sian influon sur internacia kampo, ke la unuecigo de la Esperanto-movado okazu sur bazo de kunlaboro de la de 25 jaroj ekzistanta Universala Esperanto-Asocio kun naciaj kaj fakaj Esperanto-Societoj kaj de ilia apogo financa per partopreno en komuna kotizo. »

2.

« La jarkunveno de UEA-membroj en Polujo la 31. 10. 1932, pritraktinte la situacion, kreitan per la Pariza rezolucio pri nuligo de Helsinki-kontrakto, esprimas sian fortan volon kaj deziron, ke la Universala Esperanto-Asocio daŭrigu sian agadon por- kaj per-esperantan kaj kunlaboru kun naciaj kaj fakaj societoj. »

# DECIDO
## de Hungarlanda Esperanto-Societo pri la novorganiza demando.

La komitato de Hungarlanda Esperanto-Societo, konsiderante, ke Universala Esperanto-Asocio laboras de 25 jaroj ne nur kontentige, sed servas kiel ĉefa bazo per praktika uzado de Esperanto kaj ĝia ĉesigo aŭ kunfandiĝo en ankoraŭ ne funkcianta, grandparte ne sub la sperta estraro de UEA fondata federacio signifus gravan danĝeron por nia movado, povas akcepti la proponon de la komisiono, elektita — sen voĉdono de Hungarlanda Esperanto-Societo — ĉe la Pariza Universala Kongreso, nur sub la kondiĉo, se la novorganizon realigas la jam ekzistanta UEA en sia propra kadro, plivastigante sian statutaron konforme al la proponita projekto kaj sen interrompo daŭre funkciante, kiel UEA.

Se la nova organiza projekto ne povas esti realigita en kadro de UEA, sub ties gvido kaj direkto, la komitato deziras fari apartan kontrakton kun UEA, laŭ la ekzemplo de la kontrakto inter UEA kaj Aŭstria Esperanto-Asocio.

La komitato de HES plej energie atentigas ĉiujn kompetentajn gvidantojn de la internaciaj organizaĵoj pri la grava respondeco, kiu ŝargas ilin per sia tuta pezo, se ili ne faros ĉion eblan por eviti la disfalon de la ĝis nun unueca — kvankam dubranĉa — neŭtrala Esperanto-movado kaj la komitato akcentas, ke personaj interesoj ne povas disfendi la Esperantistaron. Tiu ĉi rezolucio akceptita en la komitatkunsido de HES la 6-an de Decembro 1932 estu sendota al ICK, al UEA kaj « Heroldo de Esperanto » kaj estu publikigota laŭvorte en la proksima numero de Hungara Heroldo.

Lud. KÖKÉNY, afergvidanta vicprezidanto.

# Aŭstria Esperanto Asocio

*Linz :* Komencis kurso kaj daŭriga kurso. En Fortbildungsschule ankaŭ dum ĉi tiu jaro 2 kursoj de la lando pagataj.

*Salzburg :* Okazis dum oktobro varbvespero. Estis dissenditaj 2.000 propagand- kaj invitkartoj. Plej efika sin montris la buŝa varbado. Kurso kun 30 personoj. Gvidas prof. Dr. Christanell laŭ Cseh-metodo.

*Ried :* Ankaŭ en Ried okazas kurso gvidata de S-ro Jungschaffer. 24 partoprenantoj, duono gimnazianoj, kelkaj skoltoj.

*Braunau a/Inn :* Tute ne atendite mortis nia fervora samideano Bernardo Perathoner, U.E.A. membro N-ro 34.235. R.I.P.

Aŭstria Esperanto Asocio eldonis 4.000 tre efikajn flugfoliojn por skoltoj. La tuta kvanto estis dissendita kiel aldono al skoltaj gazetoj. Ni ree atentigas ĉiujn niajn propagandistojn nepre klopodi pri kursoj en tiuj rondoj.

Ĉiam, ĉie kaj en ĉiuj rondoj, per la plej diversaj metodoj ni devas varbi per E., diskonigi la ideon de internacia helplingvo. Por ebligi tion ni jam eldonis leterkovrilojn kun propaganda surpreso. Nun ni eldonis poŝtkartojn kun nova teksto. Preso po 80 ekzempleroj S 1.— afrankite. Ankaŭ havebla leterkovrilojn aŭ kun malnova, aŭ kun nova teksto, prezo po 100 S 1,80. Ĉe mendo de po 80 ekzempleroj ĉiu mendanto ricevos senpage ankaŭ 50 malgrandajn flugfoliojn por meti ilin en leterojn al neesperantistoj en prunteprenitajn librojn, gazetojn en kafejoj aŭ gluigi ilin sur konvena loko ktp..



# KRONIKO

## Ĉilo

En fino de julio estis fondita en Santiago de Chile nova Esperanto societo, la Esperantista Junularo de Ĉilo. La membroj estas formitaj el studentoj de unu el la ĉefaj liceoj de la ĉef-urbo kaj ebligos antaŭvidi la interesigon de la licea direktoro kaj de la instruaŭtoritatoj por arango de pliaj kursoj.

La estraro konsistas el : S-ro Luis E. Sepúlveda Cuadra, Honora Prezidanto; S-ro Guillermo Gómez A., Prezidanto; S-ro Salomón Chornik, Sekretario; S-ro Hernán Garrido, Kasisto.

S-ro R. Kreuz, Direktoro de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Ĝenevo, estis nomita Honora Membro.

## Ĉinujo

La dua Kongreso de Kantona esperantistaro okazis dimanĉon la 25.9 en Kantono. Kunvenejo estis en Pui Ching gimnazio. Tungŝan. Malfermo je 9a horo.

Cento da Kongresanoj ŝvarmis fervore. S-roj L.P.Hu, Ta-Kwon Wu, Sinpak Aú fariĝis kiel prezidantaro.

Post la parolado al malfermo de S-ro Ta-Kwon Wu, D-ro Kenn Wu legis la prelegon de la kongreso. Sekvis la paroladoj de niaj samideanaj gastoj.

Laŭ la ordo de programo D-ro Kenn raportis pri nuntempa internacia Esperanto-movado; S-ro A. H. Ĉan pri ĉina esp.-movado; S-ro Sinpak pri kantona esp.-movado; S-ro Ĝ.J.U. pri la organizado de kursanklubo de Kantona Esp.-Instituto; S-ro Li-Lok pri Ĉe-metodo.

Post la matenmanĝo ili faris ekskurson al Sepajo, kie ili fondos Esp.-Bibliotekon kaj Esp.-Vilaĝon.

Vespere, post la kunmanĝo ili daŭrigis la laborkunsidon pri diversaj temoj por disvastiĝo de Esp.-movado en Kantono.

## Portugal.

*Barreiro.* — Okazis. Esp. Ekspozicio kaj interesa kunveno en la nova societo « Progresemaj Amikoj » Solene la Ĉefdelegito de UEA estas invitita malfermi la ekspozicion kaj vera popolamaso vizitis ĝin. Multaj interŝanĝitaj poŝtkartoj klare montris la viglecon kaj entuziasmon de niaj gesamideanoj en tiu-ĉi bela urbeto de fervojistoj, kiuj amas fervore sian regionon kvazaŭ ĝi estu dua patrujo.

Nia samideano Saldanha Carreira faris poste publikan prezenton de la facileco de la lingvo, uzante diverskolorajn kretojn kaj logikajn ekzemplojn, kiujn la ĉeestantaro sekvis atente.

La loka Ĵurnalo estas invitita al festeno, kie oni amike kunmanĝis kaj trinkis la bonegan vinon « Porto », kaj toastante la Direktoro de la Ĵurnalo promesis ĉiam helpi tiel gravan kaj oportunan ideon.

*Coimbra.* — Nova kurso estas gvidata en « Libera Universitato ». Unu el la plej viglaj samideanoj en tiu-ĉi universitata urbo estas Sam. Viana de Lemos.

*Lisboa.* — Ĉiu-semajne nia amiko Saldanha Carreira paroladetas en Radio Stacio de Lisbono CT 1AA. Oni vigle laboras por ke al la proksima Jamboreo la irontaj skoltoj sciu Esperanton. La laboristoj vigle laboras kaj gvidas diversajn kursojn.

La Laborista Esp. Societa « Antaŭen » malfermis kurson en Grémio Escolar Republicano de Alcântara kaj alian en la sidejo de Sindicato Unico Metalúrgico. La profesoroj estas Sam.°j Irmundo Barros kaj José Vicente Junior.

*Santarem.* — Nova kurso gvidata de Sam.°José Vicente Junior.

# Esperantistaj problemoj

## XI.

### La gvidantoj

Fakto de la postmilita tempo en nia movado, estas la manko de gvidantoj. Kompetenta samideano diris foje, ke nia movado similas al armeo sen generaloj, dume alia movado kun simila celo aperas kiel aro da generaloj, sen armeo. Ĉu efektive ni suferas je la *problemo de gvidantoj*, kiel tio okazas ĉe aliaj movadoj, sociaj, politikaj kaj religiaj? Celo de tiu ĉi artikolo estas precizigi ion, pri kio konscias proksimume same multaj samideanoj, sed ne povas indiki konkretan rimedon kontraŭ tiu ĉi malhelpo, vere ekzistanta.

Sub gvidanto ni komprenas samideanon, kiu en la nacia aŭ internacia movado, en scienca sfero aŭ en literaturo distingiĝas per novaj ideoj kaj per supera laboro. Se ni parolas pri stagno de la movado, ni ne forgesu ke estas tie unu el la kaŭzoj : la manko de gvidantoj. Ni analizu tiun staton kaj per ĝi ni vidu ĉu ŝanĝo estas ebla aŭ ĉu estas simple natura fenomeno, ke post granda streĉo sekvas reakcio.

La laboro por nia afero estas plejparte farata de nesalajrataj personoj. Propagando, instruado, administrado de societoj estas esence « *honorofice* » prizorgataj medioj, escepte tie, kie amplekso kaj graveco devigas okupigi personon, kiu profesie plenumas tiun laboron, sub gvido de respondeca oficanto.

Foliumante esp. gazetaron de antaŭmilita epoko, ni ĉiumomente renkontas nomojn de eminentaj esperantistoj, kiuj pro socia rango, lingva aŭ organiza spertoj estis konsideritaj — gvidantoj — La komparo kun la nuna tempo estas tranĉa. Escepte du aŭ tri landoj disponantaj ankoraŭ tiajn superajn laborantojn, ĉiuj aliaj suferas pro manko. El tio rezultas aro da malbonaĵoj : malfavora kaj malamika konsidero de nia movado ĉe aŭtoritatoj, manko de rekta gvido en la enlanda organizajo, banaliĝo de la klopodado, kiu elĉerpiĝas en neindaj disputaĉoj kaj ridinda bagateligado. Unuvorte mankas la posteuloj de la grandaj nomoj Boirac, Bourlet, Cart, Grabowski, Hodler, Mudie, Mybs, Rousseau, Sébert, por citi nur kelkajn preterpasante.

Ĉe aro da malnovaj pioniroj sentiĝas la influo de l'aĝo kaj de eksteraj cirkonstancoj, malhelpantaj ilin repreni antaŭan aktivecon. Turnante la problemon, ni povas diri, ke mankas al ni junaj fortoj, kiuj okupas la lokon de la foririntaj gvidantoj.

Kaj la kaŭzo de la tuta mizero ? Ĉefe estas la ekonomia situacio de l'postmilito. Se unuflanke multaj homoj gajnis nekompare multe, estas tamen la plimulto kiu perdis ĉion, ne nur materian havaĵon sed ankaŭ spiritan. La skeptikismo grandiĝis, la iamaj idealoj forflugis. Pliseveriĝis la materiaj kondiĉoj kaj aldoniĝas la nepra devo labori pli multe por gajni pli da mono, respondanta al la pli alta vivkosto !

Aliflanke, se homo estas tia idealisto, ke li akceptas eĉ malriĉecon pro siaj ideoj, tiam lin kutime allogas ne nur Esperantismo, sed aliaj aferoj ankoraŭ pli gravaj aŭ urĝaj.

Tio estas eksteraj kaŭzoj, nedependaj de nia volo kaj deziro. Sed krom tio estas aliaj kaŭzoj, pri kiu oni kutime ne konscias.

La gvida laboro por Esperanto postulas de la ĉefoj tempon kaj monon. Tempon ne nur por la ordinaraj laboroj ligataj kun la ofico, sed ankaŭ por la intima sciiĝo pri la materio. Temas hodiaŭ ne plu pri simpla societa klopodado, sed temas pri movado, kun multaj tre malsamaj aperaĵoj, faktoj, detaloj, komplikaĵoj, ktp. Tre grandan parton de la laborforto forprenas la neeviteblaj disputoj, tute naturaj en movado, kie kunpuŝiĝas tiom da personoj, malsamaj laŭ eduko, laŭ kompreno, laŭ mondpercepto.

Tiom pri tempo. La ofico okupata trudas ankaŭ elspezojn, kiuj plej ofte ne estas repagataj, ĉar niaj societoj estas senescepte finance malfortaj. Ĉeesto en lokaj kunvenoj, naciaj kaj internaciaj kongresoj, kotizoj, k.t.p. okazaj vojaĝoj, ĉio tio kaŭzas elspezojn al la homoj, pri kio nur malmultaj havas precizan ideon.

Kunigu tiujn faktojn, aldonu la kritikojn direktotajn eĉ al plej bonvola laboranto, tiam vi komprenas, ke ne sentiĝas deziro, esti elektita al altaj oficoj en la movado. Ĉefo esperantista devas havi multan tempon, bone dotitan monujon, neelĉerpeblan optimismon kaj haŭton de elefanto por bone elporti la kritikbatojn. Nenia miro, se en la movado komenciĝas ekmanki gvidantaj personoj.

Natura, preskaŭ neforigebla sekvo estas, ke en internacia kiel ankaŭ en nacia movado, la fakta gvido transiras al profesiuloj. La amplekso de scio, de rutino kaj sperto necesaj, ja devigas je tio kaj pravigas tiun ĉi evoluon. Sed ĉu ĝi estas bona kaj utila por la movado, pri tio oni rajte povas dubi. « Spertiĝu per la eraroj de l'aliaj » estas diro, kiu valoras ankaŭ por tio.

Necesa korekto en tiu ĉi stato estas, ke la publika opinio esperantista pli atentu kaj ĉefe interesiĝu pri la gvido de la movado. Malfeliĉe la intereso estas ĝenerale tiom eta, ke pliboniĝo ne okazos baldaŭ.

Alia devo estas, ke la decidantaj povoj, t.e. komitatoj kaj membraro k.t.p., ne for-tedigu aktivulojn, kiuj taŭgaj por supera laboro, perdas sian tempon en bagatelaĵoj. Oni faciligu la vojon al talentaj personoj, tiam nova generacio de gvidantaj personoj reaperos.

Danĝera estas por ĉiu movado, ke krom la afera, ankaŭ la spirita gvido transiru al *oficejo-generaloj*, (burokratoj) kies ordonemon ne pravigas morala aŭtoritato.

H. J.

## ◙ BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA ◙

### B. I. L.

En 1927-29, dum nia laboro por Bibliografio de I.L. ni ricevis multajn librojn, informojn kaj alispecajn helpojn de diverslandaj esperantistoj kaj mondlingvanoj. Ni ilin ĉiujn zorge menciis en la enkonduko. Nun, ni eltrovis kelkajn leterojn kaj listojn, adresitajn al ni en 1927-29, kiuj perdiĝis pro bedaŭrinda akcidento, kaj nur nun estas alvenintaj je ĝusta adreso. Tial okazis domaĝa fakto ke kelkaj helpemuloj ne estis cititaj kiel kunlaborintoj de BIL. Tion ni laŭpove riparos, pardonpetante ĉiujn, kiuj eble pensis pri nedankemo. Bonvolu legi pri Bibliografio en « Petoj & Proponoj ».

## Novaj Libroj 1932

A. Strindberg. — *Amo kaj Pano/Aŭtuno* — Tradukis kaj redaktis L. Vienano. Eldonis N. Szapiro, Warszawa. 41 p. 13,5×19,5 cm. (1932-95) Prezo : Sv. Fr. 0.45.

H. Bang. — *La Hontemulo — La Unua Kiso* — Tradukis kaj redaktis L. Vienano. Eldonis N. Szapiro, Warszawa. 32 p. 13,5×19,5 cm. (1932-96).

***. — *Sinjoro Laŭdata* (Dediĉajoj al S-ro. Onisabro Deguĉi) Kompilis K. Niŝimura. OOMOTO-Propaganda Oficejo, Kameoka Kioto. 197 p. 13×19,5 cm. Prezo : Sv. Fr. 2.--. (1932-97).

# Socia Vivo

## Aerflugadon ĉu beni aŭ malbeni ?

De Edmond PRIVAT.

En praktika realista Britujo subite stariĝis en sensacia maniero grava homa kaj filozofia problemo, ĉu beni aŭ malbeni aerflugadon, ĉu rezigni je tiu grandioza eltrovo, komparebla kun la eltrovo de fajro, aŭ pli ĝuste laŭvola fajrigo.

Montrante la teruran estontecon de militoj per aviado kaj gasbomboj, Lord Cecil antaŭ nelonge deklaris publike, post serioza pripenso, ke la sumo de la malbono multe pli ampleksus ol la sumo de la bono kalkulebla. Tial li devas preskaŭ bedaŭri tian eltrovon.

« Estus eble bona afero por tiu ĉi mondo, se homoj estus neniam lernintaj flugi ! » Tiel parolis kelkaj el la plej eminentaj oficiroj en la brita aerfako, laŭ atesto de S-ro Baldwin, prezidanto de la Imperia Konsilantaro.

Tiu gvidanto de la konservativa partio okupas la unuan lokon en la registaro tuj post la ĉefministro. Li mem estis jam dufoje ĉefministro kaj prezidis dum kvin jaroj la komisionon pri defendo de l'Imperio. Pro tio lia interveno en la Brita Parlamento kaŭzis profundan impreson en Anglujo. Ne la politikisto, eĉ ne la ŝtatisto parolis tiam, sed la homo kaj pensulo, kiu konstatas veran minacon al la homaro kaj ne povas sin deteni el malkaŝa krio de l' koro. Eĉ liaj malamikoj admiris lian kuraĝon kaj aplaŭdis lin sincere. Tiaj scenoj okazas kelkfoje en Anglujo kaj honorigas tiun popolon en la okuloj de la mondo, laca pri tiom da trompaĵoj kaj avida je honesta vorto, eĉ senkonkluda, kiel la sensacia averto de S-ro Baldwin :

« Vere min preskaŭ malesperigas la kvanto da tempo perdita en Genève por diskuti kiel limigi amplekson de flugmaŝinoj, malpermesi tion aŭ tion ĉi, li ekkriis... Sperto montris, kiom valoras limigoj aŭ malpermesoj en okazo de milito... Mi mem estis kontraŭ uzo de gaso, kontraŭ bombĵeto sur urbojn... Baldaŭ ni devos ankaŭ tion fari. »

Laŭ S-ro Baldwin nur absoluta rezigno je militaeroplanoj povas utili kaj eĉ tiam ankaŭ aviado civila devus aŭ malaperi aŭ esti tiom kontrolata internacie, ke ĝi ne povu servi al tiaj celoj. Ĉu tio estas ebla kaj kiamaniere, li proponas al serioza esploro. Depost lia parolado, tiun temon tuŝis la kvina ĉapitro de la franca « *plano pri organizo de l' paco* » proponante eŭropan unuiĝon por aertrafiko. Pri la militaj flugmaŝinoj, estas proponite permesi ilin nur al Ligo de Nacioj kvazaŭ supera polica rimedo. Angloj malfacile akceptas, ke rimedo konsiderata tiom abomena povu esti permesata eĉ al internacia polico.

Pri la tuta problemo S-ro Baldwin deziris instigi la tutan mondon al pripenso :

« Ne ekzistas pli grava demando antaŭ ĉiu viro, virino kaj infano en Eŭropo ol tio kion ni de nun faros per tiu povo de flugado, ĉar ni ĵus posedas ĝin. Mi ne petas senkulpigon, ke mi alportas tiun temon hodiaŭ vespere al nia Parlamento, plej malnova en la mondo, kun la espero, ke tio dirata tie ĉi estu eble legata en aliaj landoj kaj pripensota, ĉar je la solvo de tiu problemo pendas la vivo aŭ morto de nia civilizo... »

Plej impresa estis la certigo de S-ro Baldwin, laŭ atesto de ĉiuj spertuloj, ke ĝis nun ne ekzistas ebleco de serioza defendo kontraŭ aeraj atakoj.

Li montris kiel civiluloj estis pli malpli ŝparataj ĝis la lasta mondmilito : « Ili suferis je malsato, ankaŭ je perdo de filoj aŭ parencoj en armeo. Sed nun ili suferus ne nur je la timo esti buĉataj mem, sed je tio, kio estas eĉ pli terura por viro, nome vidi sian edzinon kaj infanojn mortigataj el aero. »

S-ro Baldwin dubas, ĉu la homoj komprenas bone ĉion, kion ĝi signifas. Unue : La rapideco de l'atakoj. Ia urbo ne tro malproksima de landlimo povos esti bombata dum la unuaj kvin minutoj de milito.

Due : La volumo de la spaco defendota. Imagu grandan urbon. Por ĝin defendi vi devas dividi la supran aeron en gardaj sektoroj. Memoru ke aeroplanoj flugos je ĉiu alteco ĝis ok mil metroj, eble pli. Kalkulo matematika montros, ke vi tiam havos defendsektorojn ampleksontajn de dek ĝis cent kubaj kilometroj.

« Nun imagu cent kubajn kilometrojn kovratajn per nuboj aŭ nebulo kaj vi povas mem kalkuli, kiom da flugmaŝinojn vi devus ĵeti en tiun spaceron por havi eĉ iom da ŝanco atingi traflugantajn aeroplanojn. *La afero ne estas kaj neniu spertulo en Eŭropo asertos ke ĝi estas ebla.* La sola defendo estas kontraŭatako, kio signifus, ke vi devus buĉi pli da virinoj kaj infanoj pli rapide ol la malamiko, se vi dezirus vin savi mem. Mi mencias ĝin por ke homoj povu kompreni tion, kio atendas ilin, kiam okazos aliam milito. »

Pri amplekso de aeroplanoj kaj de gasbomboj S-ro Baldwin sciigas, ke la sciencistoj kapablus redukti la plej terurajn ilojn je formato de juglanda nukseto, portebla per plej modesta flugmaŝino.

S-ro Baldwin konstatas, ke flugado en aero estas ankoraŭ tute nova en la historio de la homaro, kiu daŭras jam centmilojn da jaroj. Kiel oni uzos ĝin, tio estas antaŭ ĉio la afero de la junaj homoj. Maljunaj viroj kiel li kredeble ne vidos alian militon aŭ ne povos helpi tiam, li diris.

« La junaj devos decidi. Ili estas la plimulto sur la tero. Ĝi tuŝas ilin multe pli proksime. La ilo estas en iliaj manoj. Ekzistos iam iloj, tiom teruraj ke la homaro decidos ne uzi ilin. Mi hazarde scias mem pri almenaŭ tri eltrovoj, senĝene proponitaj por uzo dum la lasta milito kaj feliĉe neniam uzitaj. Ili estis nekredeble potencaj kaj vere mi tiam miris pri la konscienco de l' mondo. Se la konscienco de la junaj homoj iam sentos la samon pri tiuj iloj de l'aerflugado, la afero estos solvata. Se ne, tiam kiel mi diris, la estonteco estas en iliaj manoj, sed kiam venos denova milito kaj Eŭropa civilizo estos detruita, kiel okazos ĉefe dank' al tiu forto, tiam ili ne riproĉu la maljunajn homojn, sed memoru, ke precipe ili kaj ĉefe ili estos respondecaj pri la teruraĵoj falintaj sur la teron. »

Tiu averto al junularo venas je ĝusta tempo. S-ro Baldwin esprimis deziron, ke ĝi estu legata en aliaj landoj. Ni volonte helpas al plenumo de tiu deziro. Sed la junaj homoj rajtos tiam peti de la maljunaj, ke ili ne baru la vojon al la necesaj konkludoj elĉerpotaj el tiu malkaŝa parolo.

Samaj vortoj estis jam diritaj de multaj pioniroj de paco kaj inteligentaj antaŭvidantoj, sed la unuan fojon venis averto tiom impresa de homo sidanta mem en respondeca rondo kaj okupinta tiel altan rangon. Ĝi meritus esti legata en ĉiuj lernejoj de la mondo kaj diskutata en ĉiuj familioj sub la vespera lampo.

# Literaturo

## La lerta polica hundo

De Mich. SOŜĈENKO.

Al la komercisto Babkin oni ŝtelis la skvaman pelton. La perdo faris al li grandan ĉagrenon. Li ploradis senĉese. « La pelto estis modela peco », diris li. « Sed mi ne ŝparos la monon por trovi la ŝteliston, al kiu mi kraĉos en la vizaĝon. »

Li venigis la serĉhundon de la kriminala polico. Policano en ĉapeto kaj gamaŝbendoj alportis la hundaĉon, pintbuŝega, malsimpatia bruna besto.

La policano premis al sia kunulo la nazon al la tero, por ke ĝi ekflaru la signojn, poste malantaŭen paŝis kaj diris « jen ».

La hundaĉo flaris, rigardis la ĉirkaŭantojn, kompreneble multaj scivoluloj ĉeestis, subite ĝi turnis sin al la kamparanino Fjölka, kiu loĝis numero 5, flaris al la faldaĵo de ŝia vestaĵo. La virino forkuris en popolamason, la hundo postkuris ŝin, ŝi kuris plie, la hundo post ŝi, kaptis ŝian vestaĵon kaj ne plu ellasis ĝin. La kamparanino ĵetis sin al la piedoj de la policano.

« Jes » ŝi kriis, « ĝi ekkaptis min, mi ne neas tion. Kelkaj litroj da brando troviĝas ĉe mi hejme, kiujn mi mem distilis. Gvidu min al la polico ! »

La popolo miris. « Kaj la pelto ? » oni demandis.

« Pri pelto mi nenion scias kaj tial nenion povas konfesi. Sed la cetero estas vera, gvidu min al la polico kaj juĝu pri mi ! »

Oni forgvidis la virinon. Denove premis la policano la hundbuŝaĉon al la tero, malantaŭenpaŝis kaj diris « jen ».

La hundo ĉirkaŭrigardis, enspiris la aeron kaj kuris al la urba prefekto. Li ekpaliĝis kaj dorsenfalis.

« Ligu min, bonaj homoj, vi, honestaj civitanoj ! Mi la tutan monon, kiun mi por la akvokondukilo enspezis, elspezis por diboĉoj. »

Kompreneble, la bonaj civitanoj ĵetis sin sur la prefekto kaj ligis lin.

Intertempe kuris la hundo al la civitano numero 7 kaj tiris liajn pantalonojn. Li paliĝis kaj genuis antaŭ la popolo.

« Mi estas kulpa », li kriis, « mi falsigis en mia laborlibro mian naskiĝjaron. Mi estus devigata deĵori kiel soldato por la patrujo. Anstataŭ tio mi nun sidas en numero 7 ĉe elektra ampolo, ĝuas ĉiujn agrablaĵojn de la komunumo. Ekkaptu min. »

La popolo rigardis, haltis. Ĝi pensis : « Kia saĝa hundo ĝi estas ».

La komercisto Babkin palpebrumis, ĉirkaŭrigardis, prenis monon kaj donis ĝin al la policano.

« Gvidu vian hundon al alia hundaro », li diris. Mi rezignas je mia skvama pelto. Ke ĝin la diablo kaptu. »

Sed la hundo jam alpaŝis, staris antaŭ la komercisto kaj svingis la voston. Babkin konfuziĝis, forpaŝis, la hundaĉo postkuris lin, flaris liajn ŝuojn. La komercisto paliĝis kaj ekbalbutis. « Nu », li diris, « mi estas granda fripono, karaj fratoj. Ankaŭ la pelto ne estas la mia. Mi mem ŝtelis ĝin. Lasu min plori kaj penti. »

La popolo kuris ĉiuflanken, sed la hundo ne plu perdis sian tempon por flari en la aeron, ekkaptis du, tri friponojn, kiuj kuris al ĝi en la vojon kaj haltigis ilin.

Ili konfesis. Unu ŝtelis subvencian monon, la alia bategis sian edzinon per gladilo, la tria diris ion, kion oni ne povas ripeti.

La korto fariĝis tute malplena. Nur la hundo kaj ĝia gvidanto restis solaj.

Tiam la besto kuris al sia gvidanto kaj svingis la voston.

La policano paliĝis kaj genuis antaŭ la hundo.

« Mortigu min, civitano », li diris per tremeganta voĉo. De la tri rubloj, kiujn mi ricevis por la manĝo de via moŝto, mi du rublojn por mi mem elspezis. »

*El « Kleines Blatt », Wien.*

Tr. Minuschka Mantel.

## Amo de Virino

el hinda legendo esperantigis
*Edmond Privat.*

Longe deziris idon hinda reĝ' Asŭapati. Fine li ricevis noblan filinon Savitri. Bela kaj bona kreskis la knabino, virta modelo por ĉiuj virinoj.

Flugis jaroj. Venis tempo por edzon elekti. Kun akompano taŭga veturis la junulino tra la lando kaj arbaroj, loĝis en ermitejoj, helpis al malsatuloj, vojaĝis monatojn kaj revenis hejmen.

Ĉe la patro staris sanktulo kaj saĝulo Narad, konsilanto de la familio. « Knabino kara, konfesu vian elekton kaj sekreton », petis la reĝo scivoleme.

Ruĝo ekkovris ŝian frunton kaj ŝi respondis mildavoĉe : « Aŭdu, patro. Iam en potenco regis fama reĝo Djumat-sena. Kiam aĝo lin blindigis, malamikoj rabis lian tronon kaj li devis flugi for kun edzino kaj infano. Nun li vivas en arbaro malriĉe kaj ermite. Lian filon, nun junulon, mi elektas kiel edzon, Satjavan, princon kun verama koro.»

— « Ve, penseme rimarkis la saĝulo. Katastrofo la princinon trafos, se ŝi al Satjava donos la edzinan fidon. Virtoplenaj estas la gepatroj, verdirema kaj artista ilia nobla filo, malavara kaj ĝentila, sed fatalo plej malgaja pendas en la estonteco. Post unu jaro de hodiaŭ mortos la reĝido ĉarma.»

— « Antaŭscio teruriga ! » tuj ekkriis la patro de Savitri. « Neniam la filinon mi ligos al princo mallongviva. Knabino plej amata, elektu pli feliĉan edzon.»

— Pardonu, ho patro, ekparolis Savitri la bela, senkulpigu la senton de filino senprudenta. Sed nur unu fojon sub rigardo de ĉielo elektas junulino. Dufoje sian fidon ŝi ne povas doni. Ĉu longa, ĉu mallonga lia vivo, ĉu granda, ĉu malgranda lia virto, brava Satjava estas edzo mia, li gajnis mian koron kaj fidelon.»

Patro kaj saĝulo respektis la decidon de knabino firma kaj kuraĝa. Unu jaron en la arbaro ŝi vivadis kun la edzo elektita. Kun amo ŝi servadis al maljuna bopatrino kaj la blindan reĝon flegis kun filina zorgo. Al Satjava ŝi plaĉadis per ĝentila ĉarmo kaj mildeco.

Sed ĉiun nokton kaj matenon ŝi sekrete pripensadis pri la terura antaŭdiro. Ĉiun tagon ŝi kalkulis kaj la dato proksimiĝis. Frosto glaciiga traboradis ŝian koron.

Nur tri mallongaj tagoj fine restis ĝis la mateno fatala. Savitri fastis kaj maldormis kiel sanktan penton. La kvaran tagon sin pretigis la juna princo por laboro, ekiris al arbaro kun hakilo sur la ŝultro. Por lin akompani ŝi petis la permeson kun insista preĝo.

Verde brilis la kreskaĵoj sub ĉielo blua kaj sennuba. Kantis birdoj, flugis pavoj kun plumaro multkolora. Fluis akvo pura de l'riveroj kaj pli dolĉe amaj vortoj el la lipoj de l'amato.

Sed subite li ekhaltis kaj li plendis pri laciĝo. Kaptis lin akra doloro, pikis lian kapon. Venis emo dormi kaj ripozi. Kun teruro senparola Savitri pala sidiĝis en arbaro kaj tenis sur genuoj la kapon de l'karulo. Ŝian rigardon vundis la pala frunto, la febraj lipoj, la mallumaj kreskaj ombroj.

Ŝi lin premis sur la bruston, kisis lipojn en spirego. Pli mallume kaj silente ĉirkaŭis grandarbaro. Li jam dormis en la morto.

En malhelo staris iu. Formo nigra. Vidaĵo timiga. Krono sur kapo. Sangoruĝaj okuloj. Sombra, dia kaj fiera. Tenanta nodon de ŝnurego.

Reĝo de la morto, Jama, staris antaŭ ŝi. El la pala korpo de Satjava, li alprenis la flameton de la vivo, pli malgrandan ol homa fingro. Li ĝin ligis en la ŝnuron kaj reiris sian vojon en mallumo. Li forlasis korpon kaj forportis de l'junulo la senmortan vivon.

Lin sekvadis la virino, ĉar ne mortas ŝia amo. Lin sekvadis la edzino, ĉar ŝi restas ja fidela.

« Reiru, Savitri, riproĉis reĝo Jama. Por via edzo amita kaj perdita plenumu la kutiman riton ŝuldatan al mortintoj ; tiam ĉesas via devo de edzino. Ne sekvu senutile. Pluen ne rajtas iri vivanto kun la reĝo Jama.»

— « Sed mi ne povas alie ol sekvi tien, kien vi portas la vivon de mia edzo, ĉar Eterna Leĝo ne dividas amantan viron kaj fidelan inon. Pro amo mia, pro sankta fido de virino, lasu min tamen iri kune. Kvaropaj estas homaj devoj : unue lerni saĝon, due mastrumadi kaj helpadi malsatulojn, trie penti, kvare fiksi nian penson alten, sed la fina celo de virto estas vero kaj senmorta Amo.»

— « Pravaj estas viaj principoj, respondis Jama, kaj mi volus ja vin beni, sed ne revenas al vivo la mortintoj. Petu alian benon, ho fidela, vera kaj virta homedzino.»

— « Ĉar vi permesas, ho reĝo Jama, diris Savitri la bela, redonu la vidon al kara patro de Satjava, al blinda reĝo ekzilita.»

— « Bonkora filino, respondis Jama, plenumiĝu via deziro. Liaj okuloj do revidos la ĝojigan lumon de l'ĉielo. Nun reiru, ho Savitri, laca kaj palega, ne sekvu min ja tute vane. Pluen ne rajtas iri vivanto kun la reĝo Jama.»

— « Nek laca, nek palega sin sentas Savitri,» protestis la princino, « ĉar ŝi sekvas sian edzon. Ho nobla reĝo de l'mortintoj, kio okazas al la edzo, tio ankaŭ al edzino fida. Kien iras li, tien sekvas ŝi, egale ĉu al morto, ĉu al vivo. Kiel ordonas sanktaj libroj, kiel kantas sanktaj viroj, renkonto kun la bona havigas benojn en multnombro, amikiĝo kun la bona purigas homan naskon, daŭra ligo kun la bona briligas ĉielon sur la tero, unuiĝo kun la pura kaj la bona signifas vivon la senmortan, ĉar Eterna Leĝo ne dividas amantan viron kaj fidelan inon.»

— « Pravaj estas viaj vortoj, diris Jama, pravaj ankaŭ viaj pensoj, alta saĝo gvidas vian puran koron kaj mi volus ja vin beni, sed ne revenas al vivo la mortintoj. Petu alian benon, ho fidela, vera kaj virta homedzino.»

— « Ĉar vi permesas, ho reĝo Jama, diris Savitri la bona, redonu la tronon al kara patro de Satjava, al maljuna reĝo ekzilita.»

— « Amplena filino, respondis Jama, la povon al li mi redonos. Nun haltu, Savitri, ne rajtas mortulo kun reĝo Jama vojiri.»

Tamen Savitri, milda kaj fidela, daŭre sekvis la mortintan edzon. Eĉ Jama kun pli alta saĝo atentis ŝian puran pledadon. Kaj la Sabla Reĝo venkiĝis kaj li turnis sin al ŝi denove kaj liaj vortoj falis kvazaŭ freŝa somerpluvo sur la brulan vundon.

— « Nobla virino, eldiru vian sopiron kaj deziron, klarigu vian celon kaj postulon. Kion petas mortulo pura, tion eĉ dioj ne rajtas rifuzi.»

— « Vi redonis al bopatro, tiam diris la virino, la potencon kaj la vidon al okuloj blindaj de la reĝo. Permesu, ke ne finiĝu lia familio. Donacu, ke la tronon heredu filoj de Satjava kaj Savitri.»

— « Ricevu vian celon, respondis Jama, kaj via edzo vivos ree. Li estos patro kaj viaj idoj estos reĝoj siavice, ĉar fido de virino pli longe daŭras ol malforta spiro, kaj amo de virino pli alte regas al fatalo de la morto.»

---

## Malnova lignodom'.

De ABBÉ BOVET.

Ŝatata melodio de romand-svisaj (franclingvaj kantonoj) montaranoj, verkita de konata kantverkisto pastro Bovet.




*Staradis sur la monto*
*Malnova lignodom'.*
*Ĝin ŝirmis alta fag',*
*Sur la tegmento flirtis flag'.*

*Staradis sur la monto*
*Malnova lignodom'.*

*Disfalis sur la monto*
*Neĝvento kun terur'*
*Malnova lignodom'.*
*Detruis ĝin ĝis roka mur'.*

*Disfalis sur la monto*
*Malnova lignodom'.*

*Johano sur la monto*
*Rapidis al la dom'*
*Dolor ekkaptis lin*
*Pro la dometo en ruin'.*

*Johano sur la monto*
*Rapidis al la dom'.*

*Vidiĝas sur la monto*
*Jen nova lignodom'.*
*Konstruis jam Johan'*
*Pli bela ĝin laŭ nova plan'.*

*Vidiĝas sur la monto*
*Jen nova lignodom'.*

(Trad. J. Reisinger.)

# La Propaganda Servo de UEA

Kiel ni informis en la speciala numero de *Esperanto*, ni efektivigas nun novan servon, nome tian por « Propagando ».

La Propaganda Servo de UEA celas liveri al propagandistoj de nia afero, allogajn varbilojn en *nacia* lingvo, je prezo *ekstreme malalta.*

Antaŭ la milito, UEA eldonis tiajn varbilojn en la ĉefaj lingvoj. Jam de jaroj niaj Delegitoj sentis mankon de moderna varbilo. En « *Esperanto* », 1929, paĝoj 103-104 ni resumis la ĉefajn detalojn atentotaj por eldoni *modernan* varbilon. Pli poste okazis *Konkurso pri teksto* (1931). La subita akriĝo de l'tutmonda krizo malhelpis efektivigi la ideon laŭ la maniero siatempe montrita. Necesas ŝpari kaj racie eluzi la ekzistantajn rimedojn.

Hodiaŭ ni povas anonci ke la unua eldono estas prespreta. La tekston kiun vi legas malsupre kompilis S-ro Georg Agricola ; la tradukon en *germana* lingvo prizorgis profesia reklamisto S-ro Wiener en Lausa-Weixdorf, la fotomuntaĵon aranĝis S-ro Wehlitz, fotografiisto en Dresden. Estas presataj la ĉeĥa, la franca kaj la hungara eldonoj. Sekvas la angla, itala kaj hispana.

La teknikaj detaloj de l'faldprospekto estas :

1) Amplekso : Alta 22 cm, larĝa 14 cm. t.e. proksimume la duono de la formato de nia revuo. Etendita (do malfaldita) ĝi mezuras 60 cm.

2) Moderna bela skribo, allogaj titoloj. La titolo germanlingva estas :

**Dem Weltverkehr
eine Weltsprache!**

La titolo de l'ĉeĥlingva varbilo estas :

**Jeden jazyk
pro celý svět!**

La titolo estu adaptita al la mentaleco de l'diversaj landoj, tamen rilatante al la bildo.

3) La unua eldono *germanlingva* estas je 20000 ekzempleroj, sur glata papero kolora. La ĉeĥa sumas 10.000.

4) La unua paĝo montras la bildon kaj la titolon, la sekvantaj paĝoj la informan tekston, paĝo 5 tekston de *Nacia Societo* kun listo de lernolibroj kaj vortaroj en la koncerna lingvo. Paĝo sesa tekston pri UEA. Restas spaco libera por aldono se necese, lokan tekston, pri malfermo de kurso k.t.p.

5) La fotomuntaĵo montras la modernajn ilojn kiuj malgrandigas la distancojn kaj alproksimigas la homojn : Radio (Eiffelturo) Aerŝipo (Zeppelin) Aeroplano, oceanŝipo, rapidvagonaro (Fluganta skoto), aŭtomobilo, motociklo.

6) La granda kvanto permesas liveri la varbilon tre malkare. La *germana* kostas : 100 ekz, 2 Gmk, 1000 ekz. 15 Gmk. Pri la prezoj de l'alilingvaj ni informas sinsekve.

## Antikva problemo

Baza teksto de l'varbilo.

Malnova problemo, realigita jam de kelka tempo estas la uzo de peranta lingvo en internaciaj rilatoj. Efektive la problemo estas malnova kaj necesis laboroj de jarcentoj por atingi ion konkretan. Kion filozofoj empirie konkludis, lingvistoj kaj speciale etimologiistoj preparis, tion sinteze kunigis genio de l'20-a jarcento. El la revo de pasinto pri *universala mondlingvo* realiĝis la sobra, simpla kaj neta solvo, la

*supernacia helplingvo,*

dua lingvo apud la patrina lingvo. Erare estas supozigi, ke tia lingvo, bazita sur elementoj de l'ĉefaj kulturlingvoj, havus la celon forigi la nacian lingvon.

### La solvo de l'problemo.

En Esperanto ni posedas la solvon de l'problemo. Ne estas sekreto, ke ekzistas dekoj da projektoj por solvi la demandon pri internacia lingvo. El la laboroj de lingvistoj okupiĝantaj pri la problemo, kristaliĝas kelkaj fundamentaj principoj, kiuj estas :

Nacia lingvo povas, dank'al ĝia politika aŭ ekonomia graveco ludi tre gravan rolon. Ĝia rolo estas esence ligata al la graveco de l'popolo ĝin uzanta, kaj trudanta.

Nacia lingvo pro ĝia malsimpleco, ĉu gramatika, ĉu prononca ne povas esti la *helplingvo*, ĉefe necesa por rapida kaj facila interkompreniĝo de praktikaj homoj en ĉiutagaj aferoj, en kongresoj, en korespondado, dum vojaĝoj.

Nacia lingvo reformita, ankaŭ ne estas la solvo. Kio por fremdulo ŝajnas strangaĵo, fuŝaĵo aŭ frenezaĵo estas ofte produkto de longjara evoluo, valora ero en la mozaiko de l'nacia lingvo. Pro tio forigo aŭ reformigo de nekonvenaĵo en popola lingvo, ne trafas la celon.

*Internacia lingvo,* kiu plenumu tiun celon de perado, nur povas esti kombinaĵo de l'ĉefaj eŭropaj lingvoj, pli-malpli posedantaj saman strukturon, saman fonton, kaj radikaron de l'vortoj internaciaj.

Tio estas la teoria konkludo de famaj lingvistoj, inter ili Jakob Grimm, Schuchardt, Meillet, k.m.a.

### La nuna stato.

« Centmiloj jam lernis la lingvon, sed oni nenion aŭdas pri ĝi ! » Jen diro pri Esperanto ofte rekontata ĉe la publiko. Vere, ne centmiloj lernis, sed jam milionoj ekrilatis al Esperanto. Malsimila al teknika eltrovaĵo, donante konkretan profiton, spirita novaĵo bezonas pli longan tempon por gajni la amason. Memorinde estas ke ĉiu progreso renkontis la argumenton « Neeble » de l'fakuloj kaj de l'amaso.

El la longa vico de tiuj « neeblaĵoj » kaj nunaj « realaĵoj » estu citataj : *Lavoisier* prezentante la teorion pri la elementoj al la Franca Akademio, rikoltis ridon. La pioniroj de l'vaporŝipo Papin, Fulton kaj aliaj estis konsideritaj kiel frenezuloj. *Galvani* ricevis la belan epiteton de « ranulo » kaj devis batali kontraŭ la plej distingindaj fakultatoj. *Arago,* la franca fizikisto, opiniis neeble, ke la fervojo estus

progresigo por la trafiko. Alia fizikisto franca, *Babinet*, pruvis matematike, la neeblecon de telegrafa kablo inter Eŭropo kaj Ameriko. Germana fizikisto, *Poggendorf*, kontraŭis per « neeble » la telefonon kiun inventis Philipp Reis. Sufiĉas tiu ĉi listo per la kontraŭeco al la aerflugado kaj speciale al tiu de l'direktebla aerŝipo, ligata ĉiam al la nomo de *Grafo Zeppelin*. Ridindaj ŝajnas hodiaŭ tiuj argumentoj *kontraŭ*, kiam admire la mondo vidas la faktojn. Konklude : Neniu inventaĵo, neniu trovaĵo de l'homa genio ne renkontis tiun « neeble ».




Sed konstatinde estas, ke la internacia lingvo jam estas atentinda faktoro en la intergenta rilataro. Miloj da personoj uzas ĝin por variaj celoj kaj ekzistas utilaj aranĝoj por doni avantaĝojn al tiuj kiuj lernis la lingvon. La spiritan flankon de l'helplingvo akcelas la ĉiujara kongreso kie 1000-2000 Delegitoj kunvenas, libere diskutas, amuziĝas, kaj eĉ amindumas... internaci-lingve. Jam 24 kongresoj okazis, la lasta en Paris kaj la 25-a okazos en Köln. Plia faktoro de l'vivo de tiu ĉi lingvo estas la literaturo. Aperas ĉiun trian tagon unu libro en Esperanto ; verkoj de tutmonda graveco ekzistas en unuaranga traduko. La originala verkado mirinde progresas kaj igas la lingvon elasta, belforma kaj riĉa. Fakaj kaj aliaj periodaĵoj ekzistas : inter ili semajna grandformata gazeto « Heroldo de Esperanto », beletristika revuo « Literatura Mondo », « Medicina Revuo » kaj kelkdeko da ĝeneralaj periodaĵoj por variaj bezonoj. La Internacia Labora Oficejo (sekcio de la Ligo de Nacioj) eldonas regule bultenon en Esperanto pri siaj laboroj, kaj uzas la lingvon por korespondado.

## La praktiko.

Kion mi faru per Esperanto ? Jen alia demando, hodiaŭ facile respondebla. Certe internacia lingvo havas alian agadsferon ol nacia. Sed por la malmulto da tempo, kiun oni dediĉas al lernado de Esperanto, la avantaĝoj estas nekontesteble pli grandaj ol oni kutime opinias. Krom la spirita gajno, la kompreno pri lingva strukturo, kiu multe helpas ĉe lernado de popola lingvo, restas la variaj eblecoj de praktika uzado. Kolektado, interŝanĝo de korespondado, vojaĝoj, kongresoj, ĉie Esperanto utilas. Tiun ĉi praktikan flankon, la uzadon, organizis nepolitika societo : Universala Esperanto-Asocio, kies sidejo estas en Genève. Per reto da Delegitoj en 2000 lokoj de l'mondo, per Jarlibro kelkcentpaĝa, ĉiujare aperanta, per revuo monata ESPERANTO, ĝi interligas la personojn kiuj lernis kaj deziras praktiki la lingvon. Membro de UEA (Universala Esperanto-Asocio) bezonas informon pri io ajn en eksterlando. Li skribas al la loka Delegito de UEA, petas informon kaj aldonas necesan afrankon. Regularo, starigita el dudekjara sperto, fiksas la rajtojn kaj devojn de l'membro kaj delegito. Centoj da dankesprimoj konfirmas la utilon kaj taŭgecon de tiu ĉi servo. Ekzemplo de tia servo estas jena dankesprimo aperinta en germana gazeto, plenumita de l'Delegito en Sao Paŭlo (Brazilio), s-ro Harry Petersen :

*Ĉu Esperanto valoras praktike ? — En la najbareco de la urbo Radebeul (Saksujo) iu familio estas peninta depost jaroj diversmaniere — pro reguligo de heredaĵo, eltrovi la loĝejon de familiano, elmigrinta al Brazilo en la jaro 1911-a. Dum la lastaj 7 jaroj tiu ĉi familiano donis nenian vivsignon. Ĉia serĉado, eĉ per diversa konsulejoj, estis sensukcesa. — Ano de la loka Esperanto-grupo, kiu hazarde aŭdis pri la zorgoj kaj ĉagreno de la familio pro ĝia perdito, proponis al la familio provi la serĉadon helpe de la Universala Esperanto-Asocio (UEA), reprezentata en la tuta mondo. La ĉitiea honor-ofica reprezentanto de UEA la 3-an de Julio (1931) skribis leteron en Esperanto, kun la necesaj informoj pri la serĉoto al la Delegito en Sao Paŭlo, Brazilio. Jam la 3-an de Novembro povis esti transdonata la al ĝojigita familio 2 sciigoj propramane skribitaj kun preciza adreso de la serĉita familiano kaj detaligaj informoj de la brazilia Delegito de UEA. Rakonto de ĉiuj detalaĵoj pri la senegoistaj faroj de la brazilano por eltrovo de la malaperintulo ne estas ebla ĉi-tie, estu nur dirate, ke la tuta afero kaŭzis al la servopetinta familio elspezojn de entute nur 4,65 Markoj.* »

**Konkludo : Esperanto vivas, progresas kaj utilas**

## Kiel lerni la lingvon ?

Plej bone oni lernas ĝin partoprenante kurson, kiu kutime daŭras tri monatojn, kun maksimume 40 instruhoroj. Se tio ne eblas, tiam ekzistas bonegaj lernolibroj por meminstruado. Informoj pri la lingvo, instruado, aliĝo al societo ktp. estas riceveblaj :

**Loko por meti adreson de informanto :**

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

# Esperantista parolejo

## Pri organizo

En « Heroldo de Esperanto » la semajna gazeto, aperis serio de artikoloj pri la reorganiza problemo. Ni devas diri, ke ne ĉiuj eldiroj bazis sur bonvola pripenso kaj juĝo de faktoj. Eĉ aperis pli malpli minaco al la estraro de UEA, kvazaŭ dependus de ĝi la sorto de la movado. Intence ni ne respondis simil maniere kaj atendis, ĉar la ĉefredaktoro de « Heroldo de Esperanto » el propra sperto konas la limojn de agado en nia movado. Ni legis nun en numero del' 20a de Novembro artikoleton, kiun ni represas :

### Ĉu re-aliĝi al UEA ?

Kelkaj legantoj demandis nin, ĉu — en la nuna situacio, kiam antaŭstaras la reorganizo — estas utile aŭ rekomendinde realiĝi al UEA por la venonta jaro. Ĉi tiun demandon ni respondas per nepra jes. Ĉar, kvankam estas tre dezirinde, ke la nova organizo, konsistanta el la landaj societoj plus la nuna UEA, ekfunkciu jam la 1-an de Januaro 1933, tamen estas necerte, ĉu tiel rapide ĝi funkcios. Oni ja ne forlasu malnovan organizon, antaŭ ol la nova ekzistas. Krom tio la ĝenerala deziro estas ke la novan organizon partoprenu ankaŭ la nuna UEA.

Ni uzas tiun ĉi okazon por *refoje akcenti*, ke neniam estis la intenco de nia redakcio, nek povas esti la intenco de la ceteraj reorganizemuloj, pledi por forigo de UEA. La naciaj societoj restu, kaj UEA restu; sed malrestu la dualismo, la ĵaluzo, la komplikiteco. La naciaj societoj kaj UEA kune formu, laŭ plisimpligita mezuro, novan pli grandan kaj pli fortan UEA, en kiu el la nuna UEA restu ĉio kio estas taŭga kaj konservinda : nomo, Jarlibro, biblioteko, delegitoj k.t.p. Tion ni jam ofte deklaris, sed ĉiam denove oni emas miskompreni nin. Nur en la kazo, se la gvidantoj de la nuna UEA obstine fermus siajn orelojn al la pli kaj pli ĝenerala deziro de l'esperantistaro je unueca organizo, nur tiukaze la landaj societoj havus la rajton, eĉ devon, formi kun siaj membroj tute novan « UEA » (tiukaze ankaŭ sub alia nomo), apartan de la nuna. Tiukaze al la malnova UEA restus fidelaj aŭ aliĝus nur tiuj esperantistoj, kiuj pro iu kaŭzo staras ekster la landaj organizoj, dum ke ĉiu membro de landa organizo samtempe, kaj sen aparta kotizo, estus membro de la nova universala organizo kaj ĝuus ĝiajn avantaĝojn kaj servojn. Estas facile kalkuleble, ke tiukaze la nova « UEA » estus multoble pli forta ol la malnova, kaj ke ĉi tiu malnova UEA pli malpli frue, post kelktempa vegetado, pereus.

Do, laŭ ni UEA *nepre restu;* sed komprenoble ĝi devos alkonformiĝi al la deziro de l'esperantistaro.

Ni esperas, ke de nun oni ne plu miskomprenos nin.

T. J.

*S-ro E. H. Highfield, Delegito de UEA en Londono, malnova UEA ano n-ro* 9489, *skribis interalie :*

« Mi kiel Delegito de UEA ricevis leteron kaj regularon de S-ro Goldsmith, eks-sekretario de UEA, pri nova internacia organizo, la UFE, invitante min esti Delegito kaj mian eksiĝon de la UEA. Mi ne akceptis kaj respondis al li, *se vi* akceptus la U.F.E. estos alie, sed ĝis tiam *mi restos nur* UEA Delegito. La via frate : E. H. H.

*De Gesinjoroj Morariu nun en Svedlando :*

...Kvankam ni ankoraŭ ne havas fiksan hejmon, nek fiksan laboron, ni kredas, ke nia kara UEA eĉ pli ol ni bezonas helpon en tiu ĉi duoble kriza tempo... Bonvolu do perjene akcepti la realiĝon de la subskribinto por la jaro 1933 jam nun, kiel Membro-Subtenanto, kaj tiun de mia edzino, kiel Help-Membro.

Kun fido kaj bondeziroj al vi, respondecplena kaj firmgvida piloto de la verdstela esperŝipo tra la uraganaj atakondoj, ni petas vin, Sinjoro Direktoro, transsendi ankaŭ al la multmeritaj kaj lertaj gvidantoj de UEA, Sinjoroj Stettler kaj Karsch, la esprimon de niaj konfido kaj plej alta respekto.

---

*De S-ro Geo. W. Lee, Boston :*

Legante pri la fino de la Helsinki-kontrakto kaj la reorganizo de la estrado mi ĝojis, ne pro tio ke mi konsideris, ke UEA malbone funkciis, sed ke mi opinias ke nia movado bezonas novajn pensojn tramonde de tempo al tempo kaj eliĝi de « interna cirkulerismo » (angle, « innercircleism »). Surprizus min, se en la nova aranĝo la UEAanoj, la UEAestrado, ĝenerale ne estiĝus la koro kaj la animo de la nova organizo, kaj se efektive la nuna centra organizo ne estus nur fortigita kaj ampleksigita UEA, kaj mi deziras gratuli vin jam antaŭe.

Jes, mi deziras vidi la Jarlibron multe valora ol nun; mi deziras vidi « Esperanto » esti pli kaj pli la oficialaĵo kaj « Heroldo » pli kaj pli la gazeto kiun « ĉiu bona samideano » nepre abonos. Al mi S-ro Jung estas mirindulo; ankaŭ la estraro de UEA.

Eble estus bone, se en *Esperanto* tra la jaro estus invito konkuri por premio per ekzempla parolado, kaj se en la Jarlibro estus publigita la premiaĵo.

---

La kunveno de membroj de UEA en Hago kaj cirkaŭaĵo, okazinta la 26-an de Novembro 1932 en Hago,

*aŭdinte* paroladon de S-ro Andreo Cseh pri la reorganiza problemo kaj la sekvintajn diskutojn pri la sama temo,

*aliĝante* al la principo, ke unuecigo kaj koncentrigo de la Esperanto movado estas dezirinda,

*malaprobas* la proceđon per kiu la kunveno de K. R. dum la Pariza Kongreso tiel abrupte disŝiris la Kontrakton de Helsinki,

*esprimas* sian plenan fidon en la estraro de UEA,

*insistas*, ke la Nederlanda Societo Esperantista « La estonto estas nia » forte defendu la vidpunkton, ke UEA havas la rajton decidi pri sia propra sorto, kaj

*decidas* konigi tiun ĉi rezolucion al la estraroj de UEA kaj de L.E.E.N.

En la nomo de la kunveno :

*J. Telling*, Ĉefdelegito. *Andreo Cseh*, Komitatano. *J. R. G. Isbrücker*, Komitatano.




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

Karaj liganoj kaj kolegoj ! Denove finiĝas jaro kio donas al ni instigon atentigi vin, ĉiuj renovigi ĝustatempe la anecon por 1933, kaj jam en Decembro pagi la kotizon. Ĉar malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj ĉiulande kaŭzas daŭran plendadon de la liganaro pri tro alta kotizo, la estraro sentas sin devigita, malaltigi la jarkotizon je 5 RM (aŭ egalvaloro) por 1933. Niaj Landaj-Delegitoj estas petataj, laŭ statuta ordono, enkasi la kotizojn por la nova jaro.

Por plisimpligi kotizpagadon la membraro ankaŭ povas pagi jarkotizon rekte al nia ĉefkasisto A. Gräfe, supera admin. inspektoro, Chemnitz, Polizeipräsidium. Ĉi-kaze estas necese, pri tio informigi la Landan-Delegiton.

Nia membraro ankaŭ nunjare iom kreskis. Pluan kreskon ni atendas 1933 per aliĝo de niaj franclandaj samideanaj kolegoj. Kiel konata, ili komencis lasttempe viglan laboron, eĉ aranĝis specialan fakkunvenon dum la lasta kongreso en Paris. Ni ankoraŭ ne povas raporti pri detaloj de ĉi tiu kunveno. Nia ligestraro kune kun S-ro Direktoro Robert Kreuz, de I.C.K. kiel peranto, ankoraŭ intertraktas kaj diskutas kun la francaj kolegoj por atingi pleninterkonsentan kaj harmonian kunlaboron. La finrezultato ankoraŭ ne estas atingita.

Nia movado ankaŭ komencas disvastiĝi en Litovujo. Aliĝis kaj akceptis la oficon kiel Loka-Delegito kolego Petras Jaloveckas el Alytus. Li diligente laboras kaj raportis pri esperantlingvaj kursoj inter policanoj de sia lando. Sukcesoj per aliĝo al nia ligo estas atendataj novjare. Sinjoro Jaloveckas ankaŭ petas, informi la kolegaron, pardoni la nerespondon de leteroj, direktitaj al li pli frue. Pro familia malfeliĉo perdiĝis leteroj de li, ke li ne plu scias la adresojn de korespondantoj atendantaj de li respondon.

A. Pohle,
*Liga Redaktoro.*

---

La Amikaro de policanoj esperantistaj de Francujo starigis komision, prezidata de Sro. Mouton, Conseiller d'Etat, Prezidanto de la Internacia Polica Ligo, kiu celas studi, kune kun la kompetenta polica administracio, la demandon pri uzado de Esperanto en la policaj servoj kaj precipe por la internaciaj rilatoj (Internacia Kriminal-komisio kaj Radio-Polico).

La policaj administracioj kaj policistoj ĉiulandaj estas petataj sendi ĉiujn utilajn sciigojn kaj informojn pri uzado de Esperanto en policaj servoj kaj la movado de E. en la policaj rondoj al nia delegito por Francujo : Sro. Schwartz, Inspecteur de police spéciale, Strasbourg (Francujo), 10, rue Engelhardt ŝarĝita redakti kompletan dokumentaron pri la demando.

Tiu dokumentaro presota estos je la dispono de ĉiuj kolegoj kontrau alsendo de respondkupeno.

Policanoj kaj kolegoj de sekurecaj administracioj helpu nin por redakti rapide tiun dokumentaron kiu devas favore influi la policajn administraciojn ĉiulandajn.

**Ne longe hezitu :**
**Kolonjon vizitu !**

okaze de la 25-a Universala Kongreso, la Jubilea Kongreso de Esperanto.

# Ĉeĥ-kursoj

Gesinjoroj Morariu komencis duan kursserion en Skanio, kiun partoprenas entute 400 personoj. (La 1-an serion dum Sept.-Okt. vizitis 200 kursanoj.)

Nuntempe S-ino Morariu gvidas komencajn kursojn en Lund, Limhamn, Vellinge kaj daŭrigajn en Klagshamn kaj Kävlinge. Pliajn komencajn kursojn gvidas S-ro Morariu en Lund, Trelleborg kaj Malmö.

La inaŭguro de la kurso en la universitata urbo Lund havis solenan karakteron. Ĝi okazis en la Akademia Salono kaj ĉeestis ĉ. 500 personoj, inter ili la lerneja inspektoro D-ro Gertz, Universitata docento de psikologio, la Rumana konsulo de Malmö. Oni laŭtlegis salutleterojn de UEA, Ĉe-Instituto, F-ino Lidja Zamenhof, la rumana ministro en Stockholmo, ktp.

---

# Jarkunveno de Saksa Ligo

La 30. kaj 31.10.32 kunvenis granda nombro de Saksaj kaj fremdaj Samideanoj en la vigla urbo Radeberg apud Dresden por la jarkunveno de la Saksa Ligo, fondita antaŭ 23 jaroj. En bele aranĝita malferma kunsido kiun gvidis la Prezidanto *Naumann* (Grossenhain), salutis Distrikta supera lernejkonsilisto *Dr. Kraner* nome de la Saksa Ministerio por Klerigo, S-ro Konsulo *D-ro Arnhold* nome de la Industria kaj Komerca ĉambro Dresden, la unua urbestro *Uhlig* nome de la urbo Radeberg, ĉiuj akcentante la komprenon de la de ili reprezentataj estraroj por nia afero. Poste salutis por GEA, S-ro *Schmalzl*, Weiden, por la Germana E-Instituto en Leipzig ties nova gvidanto *D-ro Schreiber*, por UEA ties VP, *S-ro Karsch*, por KEU *S-ro Ranft*, por la 25a Universala Kongreso S-ino *Gernsbacher* el Köln, dum S-ro Konsulo *v. Frenckell* interese parolis pri E en servo de diplomatio. Festparladon tre interesan faris *D-ro Inĝ. Friedmann*, Dresden pri la temo : *signo-formulo-lingvo.* Li montris, ke por la muziko en la notoj, por kelkaj sciencoj en la sciencaj formuloj estas kreitaj internaciaj komprenigiloj, dum tia neceso por la lingvo ankoraŭ ne estas ĝenerale rekonita, kvankam la solvo jam estas preta kaj uzata : Esperanto. Riĉa aplaŭdo sekvis la vere valoran paroladon. Muziko ĉirkaŭis la impresan solenaĵon. Posttagmeze en laborkunsido la ĝisnuna estraro (*Naumann*, Grossenhain, *Heinze*, Radebeul, *Krausse*, Grossenhain) estis reelektata. VP de UEA *Karsch* donis referaton pri la organiza demando, en la diskutado partoprenis ĉefe S-roj *D-ro Arnhold, v. Frenckell, Schmalzl Brieger*, Breslaŭ *Feder*, Chemnitz, kaj montriĝis, ke malgraŭ la deziro al unueca organizo tutmonda, oni tamen ĉe kelkaj flankoj opinias netaŭgaj la nunan tempon kaj manieron de procedo ĉe la nuligo de la kontrakto de Helsinki. En laborkunsido la duan tagon estis akceptata rezolucio : *La membroj de Saksa Esp.-Ligo kredas nepre necesa baldaŭan interkonsenton inter UEA kaj KR. Ili deziras unuecan kaj simpligitan organizon de la neŭtrala Esperantistaro tutmonda. Ili atendas de ĝi financan senŝarĝigon de la oferemaj Esperantistoj kaj pliigon de la laborpovo de l'Esp.-organizaĵoj tutmondaj.* — Vespera koncerto kaj balo, ekskurso en la ĉarman ĉirkaŭaĵon de Radeberg, kaj prezentado de la Kolonja filmo plenigis la programon de la bonsukcesinta jarkunveno.

J. K.

# Orientbohema Konferenco

*okazis 29.-30-an de Oktobro 1932 en L. Belohrad.*

Partoprenis 36 personoj en 18 diversaj lokoj. Multaj telegramoj, leteroj. Estis priparolitaj ĉiuj aktualaĵoj. Prezidis direktoro Horáček el Kutná Hora. La regionaj konferencoj en orienta Bohemio estas tradiciaj kaj estas laŭdinde, ke ili reviviĝas. Ili formas gravan faktoron en la vigla enlanda movado, ĉar ne ĉiujare estas eble aranĝi ŝtatan kongreson. Tiel la regionaj konferencoj ofte estas la solaj okazoj por kunvenigi samideanojn el la koncerna regiono, informi ilin kaj aŭdi iliajn opiniojn kaj konsilojn. Ke ili gravas el vidpunkto de lingva perfektiĝo estas memkompreneble. Imitu en aliaj landoj, se la kondiĉoj permesas tion.

Skl.

## Esperanto kaj stenografio

# Intersteno

De kelkaj jaroj disvastiĝas tra la mondo kaj inter la esperantistaro simpla kaj tre interesa sistemo de stenografio, nomata « Intersteno » (Internacional-stenografio). Ĝi estas praktike uzata jam en la plej diversaj partoj de la terglobo por la plej diversaj lingvoj, ankaŭ por Esperanto.

Sian rapidan disvastiĝon ŝuldas la Intersteno ne nur al siaj bonkvalitaj ecoj, nome simpleco, klareco kaj ĉiulingveco, sed ankaŭ al la fakto, ke la gvidantoj de la Intersteno-skolo estas Esperantistoj. Tial, renverse, ankaŭ Esperanto profitas el la disvastigo de Intersteno, ĉar la nacilingvaj eldonaĵoj de la Intersteno-skolo regule mencias Esperanton kiel praktikan mondhelplingvon. Kelkaj nacilingvaj lerniloj, precipe lernolibroj enhavas eĉ plurpaĝajn artikolojn pri Esperanto. En Greklando disvastigas S-ro Haĝijanakis — Saloniko la grekan stenon (de Intersteno) per leteraj kursoj; li uzas inter la ekzercaj tekstoj de la lastaj lecionoj ankaŭ kelkajn pri Esperanto. Simile agadas japana Intersteno-instruanto en Japanujo, S-ro Oba-Moĝi.

En Palestino, kie Intersteno estas la sola steno-sistemo, per kiu oni povis ĝis nun kapti la plej rapidajn paroladojn en hebrea kaj jida (germanida !) lingvoj, S-ro Majmon, la plej sukcesa Intersteno-praktikisto en Palestino, montris en la « Granda Ekspozicio de la Proksima Oriento » en Tel Aviv multajn interesajn interstenaĵojn, inter ili ankaŭ multnombrajn Intersteno lernilojn kaj gazetojn verkitajn en Esperanto. S-ro Majmon ricevis por la interesa ekspoziciaĵo kiel oficialan distingon arĝentan medalon. Cetere, ankaŭ en Düsseldorf, Germanujo, estis farita antaŭ nelonge sukcesa propagando por Esperanto kaj Intersteno per ekspozicio. Certe, tre imitinda agado !

F. GRASER.

## Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI)

(*Oficejo : Pölkenstr. 4, Quedlinburg, Germanujo*)

La Universala Kongreso en Parizo estas la komenco de nova epoko en la historio de la ligo. Post ĝia fondiĝo en la jaro 1911 okaze de la 7a Universala Kongreso en Antverpeno ĝi daŭre kreskis. Dum la 9a Kongreso en Bern (1913) oni fiksis ĝian regularon kaj elektis la definitivan estraron.

Laŭ la regularo la ligo subtenas la biblian kristanismon, t.e. oni propagandas la lingvon Esperanto en la kristanaj organizajoj internaciaj, kiuj celas tian kristanismon, ekzemple en la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (angle : Y.M.C.A. -germane : C.V.J.M. -france : U.C.J.G.) kiuj kalkulas proksimume unu milionon da membroj.

KELI estas protestanta ligo, tamen ĉiu povas aniĝi, kiu volas helpi la atingo de ĝia celo.

La oficiala organo de KELI estis « Dia Regno ». Ĝi pli kaj pli disvastiĝis. La milito tuj ĉesigis ĝian eldonadon kaj la provo, post la milito reeldoni ĝin, malsukcesis post mallonga tempo. Eĉ la ligo preskau ĉesis ekzisti, kiam ĝi en la jaro 1927 perdis ĝian fervoran kunlaboranton, sinjoro Horner, kiu subite mortis.

Dum la plej mizera tempo la plej fervora subtenanto de KELI, la ĉie konata aŭtoro de belaj Esperanto-romanoj, sinjoro H.A. Luyken, gvidis la aferon de la ligo kaj per tio kontraŭstaris ĝian tutan malaperon. La ligorgano ne plu povis aperi. Sed baldaŭ troviĝis fervoraj samideanoj, kiuj kolektis monon por aĉeti presilaron laŭ la propono de la prezidanto Paul Hübner, kiuj pro malsaniĝo de sinjoro Luyken denove surprenis la gvidadon.

Per tiu ĉi presilaro oni povis eldoni informilon por la liganoj. Intertempe en Nederlando la movado rapide kreskis; tie oni fondis nacian protestantan ligon, kiu kunfandiĝis kun alia kristana ligo en Nederlando. La nova ligo : Nederlandsche Christelijke Esperanto Vereeniging rapide kreskis kaj aliĝis al KELI.

Per la helpo de N.C.E.V. la ligo denove povis prepari la eldonon de oficiala organo kaj fine « Dia Regno » aperis la unuan fojon por la Universala Kongreso en Parizo.

Nun la kreskado de la ligo estas evidenta. En Parizo aliĝis denove reprezentanto de la granda organizaĵo de K.A.J.V. kaj intertempe en Germanujo fondiĝis nacia ligo kun la nomo : Evangelischer Esperantobund für Deutschland ». Ankaŭ en Svedujo la movado pli kaj pli etendiĝas. Esperanto marŝas en la protestantaj kristanaj rondoj.

P. H.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO ARTUR HAMM, instruisto, MA 27306 en Wurzen, German. (Laŭ poŝta indiko sur gazeto reveninta 28.X.32).

S-INO BERTA HOFMANNOVA, Membro 23841 en Praha. (Sen detala informo).

S-RO GEORGI S SOPOV, Panagjurište, Bulgar., 52 jara. Tolstojano, amiko de Esperanto, vera homarano, 7.XI.32.

S-RO VINCENT CHAUSSEGROS, malnova samideano aliĝinta 1902 al nia movado, dum longa tempo sekretario-kasisto de l'Pariza grupo.

D-RO BARBULÉE, ano de l'Pariza grupo depost 1920.

S-RO BERNARDO PERATHONER, en Braunau am Inn Aŭstrio, Ano de UEA 34235.

S-RO DINKO BASELLI, Del. de UEA en Metkoviĉ, Jugoslavio, 19.XI.32.

S-RO EDWIN BRANDT, germana samideano, Ano 31798, en Davos serĉinte resaniĝon. (Laŭ reveno de la revuo Nov. 1932).

S-RO LEMUEL S. WARE, Del. de UEA en Merchantville N.J. (Laŭ A.E.).

S-RO ODIORNE GLEASON, longjara Del. de UEA, DM en Worcester, (Mass) (Laŭ A.E.).

S-RO L. P. HADLEY, Anita Iowa, U.S.A. Ano de UEA 24593.

S-RO LUDOVIKO RYDAROWSKI, ano de UEA, n-ro 22610 en Secorve, Ĉ.S.R.

S-RO ADOLPHUS MEYER, Ano de UEA 11271 en Washington D.C. Usono.

S-RO LUCIEN BOYER, ano de UEA 12540, longjara Delegito en Chalons sur Marne, 77 jara, fidela samideano, lerninte la lingvon antaŭ 30 jaroj.

*Sinceran kunsenton!*

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj:* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95, (Box H. & P.) nur PM. Malrespondas bagatelojn.

*Apeldoorn* (Holland). — S-ro M.M Schouten, Hoogakkerlaan, 49. L., P.I., k.ĉ.l., C.r. Korespondant(in)oj demandata en Sovetunio.

*Auckland* (Novzelando). — S-ro C. Brandon, 16 Wairiki Rd., Mt Eden. PI; L; kĉl.

*Ĉita* (Siberio). — S-o V. Esperantov, Argunskaja str. 47, dez. starigi daŭran interligon kun sinceraj esperantistoj-seriozaj filatelistoj/prefere anoj de filatelistaj kluboj/. Ĉiuj, dezirantaj ricevi grandkvante malnovajn rusajn kaj sovetiajn PM, skribu al li pri siaj apartaj deziroj sed unue ne sendu PM, ĝis oni ricevos klarigojn de li pri kondiĉoj kaj ordo de la PM-interŝanĝado. La anonco validos unu jaron.

*Divonne-les-Bains* (Francujo). — S-ro Mario Gaido, les Grands-Hôtels, L., PI., bildoj, speciale kun sovetanoj pri la progreso de l'Kvinjara plano.

*Elbing* (Germanujo). — S-ro H. Greff, Hindenburgstrasse 5 serĉas tutmondajn gekorespondantojn por du 17 kaj 20 jaraj kursanoj. L PI pri PM fotoamatoreco, kutimoj. La 17 jara speciale kun geholandanoj.

*Leiden* (Nederlando). — La del. de UEA. estas petataj sendi adresojn de gejunuloj 20 jaraj, speciale instruistoj, kontoristoj k.t.p. kiuj deziras korespondi kun Nederlandanoj al la Unuiĝo por Internacia Interkorespondado Junulara (Leiden, Nederlando. J. v. Goyenkade 44).

*Mortsel* (Belg.). — S-ro L. Festraets, Kerkstraat 21, PM., laŭ katalogo Yvert. Li ne sendas unue sed respondas tuj.

*Moskva*, 6/U.S.S.R./. — S-ro Nikolao Gluŝkov, Sadovaja-Trium'alnaja ul. 4 kv. 3, PI., L., bfl. pri ĉiaj temoj kĉl, cr.

*Palermo* (Ital). — D-ro Franz Volo, komerca D-ro, Via Milano, seriozan koresp-on kun germana fraŭlino. Celo edziĝo.

*Portalegre* (Portugalo). — S-ro Jorge Curvelo, Rua dos Mexes 5, kun samideanoj ĉiulandaj. Nepre respondas.

*Preŝov* (Ĉehosl). — Studentoj kaj studentinoj de ev. gimnazio L., PI., PM., kĉl.C.r. Adreso : Frant. Novotny, profesoro, Preŝov.

*Tisovec* (Ĉehosl.). — S-ro Gustav Krivoŝ, Del. de UEA, PI. bfl. k.ĉ.l. Ĉiam respondas!

*Tisovec-Hamor* (Ĉehosl.). — S-ro Gustav Ŝtrba, Del. de UEA kĉl. PI bfl. Ĉiam respondas!

*Tisovec* (Ĉehosl.). — S-ro Ĉenêk Spaĉal, Vicdel. de UEA PI., bfl. kĉl. Ĉiam respondas!

*Tisovec* (Ĉehosl.). — F-ino Mária Hudecová, instruistino, PI., bfl k.ĉ.l. Ĉiam respondas!

*Tisovec* (Ĉehosl.). — F-ino Emilia Kuthanová, instruistino, PI., bfl k.ĉ.l. Ĉiam respondas!

*Tisovec* (Ĉehosl.). — S-ro Bedrich Provazník, oficisto, PI., bfl k.ĉ.l. Ĉiam respondas!

*Tisovec* (Ĉehosl.). — S-ro Emil Nack, instruisto, L, PI., k.ĉ.l. Ĉiam respondas!

*Tisovec* (Ĉehosl.). — S-ro Jozef Frant. Vítek, instruisto, PI. bfl kun Albanio, Angora, Grekujo, Luksemburgo, Monako, Rusujo, Saarteritorio, San Marino kaj Jugoslavio. Ĉiam respondas!

# Petoj kaj Proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Banloko Bergen* N. H. — Nove arbita samideano S-ro L. H. Grootegoed, Radhuisstraat 8. Bergen. Noord Holland eldonas tre belajn kolorajn poŝtkartojn pri la vidindajoj de la banloko. Apud la klarigo en nederlanda lingvo, li nun aldonas sur ĉiuj eldonajoj esp. tradukon. La serio de tiuj vere belaj pk trikolore presitaj kostas 4 respondkuponojn de UEA aŭ poŝtajn. La serio konsistas el dekdu kartoj.

*Bibliografio.* — Por amerika eldono de Bibliografio de Internacia lingvo ni danke ricevus sciigojn pri gravaj verkoj mankantaj en la verko samnoma eldonita de UEA. Urĝe skribu al : P. Stoyan, Blausasc-Escarene, A.M. France. Kunlaborintoj por BIL en 1927-29 bonvolu legi supre-presitan noton sub Bibliografia rubriko en ĉi tiu numero.

*Etnografio.* — Aperis jam la revuo por etnografio, folkloro, turismo. Interesiĝantoj skribu al redaktoro Prof. Teodoro Kovács Rákosszentmihaly. Hungarlando. Mi tre ŝatus korespondi kun anoj del' finn-ugra lingvobranĉo pri la parenceco, plue kun iu ajn pri turismo, stenografio, cigana kaj aliaj lingvoj kaj pri fervojaj kaj fremdultrafika aferoj.

*Pensiono.* — Distinga familio akceptas pensianojn. Fluanta akvo, varma kaj malvarma, centra hejtado, ĝardeno. Modera prezo. —Situita kontraŭ la liceo Michelet. — S-ino du Sablon, 14 *bis*, Avenue Victor-Hugo, Vanves, Paris

*Pensiono.* — Esperantistino, S-ino Decourt, vidvino de Esperantisto, 41, rue de Paris, Vanves-Paris. Gardeno, komforto nekaraj prezoj. Esperanto parolata.

*Skoltoj.* — Atentigu la skoltojn en via lo/o : por la Mondtendaro 1933/4--6. Aug./ en Gödöllö ĉe Budapest, Hungarujo. Ili lernu Esperanton! Sciigojn donas kontraŭ resp. kup.: Hungara Skolta Esp. Studrondo, Budapest, V., Nagy Sándor u 6.

